Jaro IV/VIII. N-o 4-5 (40-41). Januaro-Februaro 1927.




Monata Organo
de Sennacieca Asocio Tutmonda
FONDITA EN 1919

LITERATURO — SCIENCO — PEDAGOGIO

ENHAVO:



Redakcio: 1-a Tverskaja-Jamskaja, 35, kv. 5, Moskvo 1 (USSR)
Administracio: Rich. Lerchner, Colmstrasse 1, Leipzig O 27 (Germ.)

Se vi deziras profundiĝi en la materion de

"SENNACIISMO"

vi nepre aĉetu kaj legu la 2-an eldonon de




Formato: 12×18 cm., 60 pĝ.
Prezo: 0,60 mk. germ.

"La entuziasma teksto entuziasmigas. Tion volonte konsentos ankaŭ tiu, kiu aprobas nek la celon nek la vojon al ĝi. La stilo estas bela kaj klara." *K. B. en "Tra la Literaturo"*

---

# ETIKO

de P. KROPOTKIN

Prezo: 1.80 mk. germ. inkluzive afranko

240 paĝoj

ENHAVO:

Portreto de l'aŭtoro. / Antaŭparolo de Prof. N. Kabanov. / Ĉapitro I. La moderna bezono konstrui fundamenton de la moralo. / Ĉapitro II. Aperetantaj elementoj de nova etiko. / Ĉapitro III. Morala principo en la naturo. / Ĉapitro IV. Moralaj konceptoj de primitivaj popoloj. / Ĉapitro V. Evoluo de moraldoktrinoj. / L'antikva Grekio. / Ĉapitro VI. Kristanismo. / Mezepoko. Renesanco.

**ADM. R. LERCHNER, COLMSTR. 1, LEIPZIG O 27**

POŜTĈEKA KONTO 6835




# *FUNEBRA VESPERO*

*L. IVN*

*Estis vespero frosta.*
*Bruis obtuze piedoj.*
*Akre doloris ostoj.*
*Pensoj malviglis tedaj.*

*Iu subite diris*
*Vorton ĉagrene-plenan,*
*Diris kaj tuj foriris,*
*Restis nur: "Lenin, Lenin..."*

*Kiam la patro pereis*
*(Lin sufokis laboro)*
*Nur pro kolero mi tremis,*
*Mankis al mi ploro.*

*Kiam mian patrinon*
*Frostigis la Jaro Malvarma,*
*Mi ne ellasis krion,*
*Mankis al mi larmo.*

*Kiam en densaj arbaroj*
*Mi vagis, en neĝo dronante,*
*Mi sentis: tra ĉiuj baroj*
*Vidas la vojon Gvidanto.*

*Sed nun? Kaj miajn okulojn*
*Brulvundis du gutoj larmaj.*
*Sed nun? Kaj neĝan nebulon*
*Penetris uzin — alarmo.*

*Mortis Vladimir Lenin*
*— Flugis radi — ondaro —*
*Mortis Vladimir Lenin,*
*Gvidanto de l' Proletaro.*

*For nacia retaro!*
*Landlimojn ne konas doloro.*
*Tra kontinentoj kaj maroj*
*Fluas funebra sonoro.*

*Ne ploru, ne ploru, ne ploru,*
*Ne ploru pri kara Gvidanto.*
*Ekploru per fajra oro*
*Metalo en fornoj brulantaj.*

*Ni duobligu laboron!*
*Ni plifortigu impeton!*
*Lenin!*
*Ni ĉiuhore*
*Plenumu viajn dekretojn.*

*Ruĝa standard' ardas,*
*Nia impet' aktivas.*
*Lenin —*
*nia standardo,*
*Lenin*
*por ĉiam vivas.*



# LENIN KAJ NACIISMO

(EL REMEMOROJ PRI LENIN)

*M. FILIJA*

En komenco de l' aŭtuno de 1914 j. Lenin skribis el Bern, ke li dezirus prelegi en Ĝenevo referaĵon pri la milito. Mi memoras, ke inter ĝenevaj bolŝevikoj estis kelka hezito rilate aranĝon de tiu ĉi raporto: oni timis, ke svisia registaro povos ekzili Lenin'on el Svisio. Finfine la bolŝevika sekcio decidis organizi la kunvenon. Por kovri la elspezojn, estis fiksita enirpago je 30 centimoj. La kunveno estis organizita en "Maison du Peuple" sub prezido de K-do V. Karpinski. La aŭskultantaro havis ŝovinisme-militeman humoron. K-do Lenin kruele ekatakis social-patriotojn ĉiulandajn. Unuafoje dum la milito ni ekaŭdis severe internaciisman raporton. Lenin tuje, de la unuaj jam vortoj, difinis sian pozicion:

— Kiu dum la lasta tempo antaŭ la milito atentis diplomatian kaj militan gazetaron, tiu ne povis ne rimarki ke al la milito estis sin preparantaj ĉiuj grandpotencaj ŝtatoj, kiel la grandpotencoj de Centra Eŭropo, tiel ankaŭ la grandpotencoj de triopa interkonsento, — klare elparolante ĉiun vorton, komencis sian paroladon K-do Lenin.

Ĉi vortoj estis ĵetitaj kiel bombo inter la patriotisme-humora aŭditorio.

Lenin daŭrigis:

— Estas neĝusta la aserto, ke la Internacio ne diris sian opinion kontraŭ milito. La I-a kaj la II-a Internacioj kelkfoje estis decidantaj kontraŭ milito. La Stuttgart'a Kongreso de l' II-a Internacio ankaŭ esprimis sin kontraŭ milito. La kongreso proponis al ĉiuj siaj sekcioj batali kontraŭ estiĝo de milito. Se, okaze, milito tamen ekiĝos, socialistoj devas enmiksiĝi por la plej baldaŭa ĝia finigo kaj utiligi la ekonomian kaj politikan krizon, naskitan de milito, por renversi la kapitalisman sociaranĝon. La Kopenhaga Kongreso en 1910 jaro, ankaŭ esprimis sin kontraŭ milito.

Tute antaŭnelonge, en 1912 j., la Basel'a Kongreso minacis al internacia burĝaro per Internacia Komuno: la franco-prusa milito finiĝis per Pariza Komuno, la eŭropa milito finiĝos per Eŭropa Komuno.

La solenaj kongresaj promesoj kiel de la I-a, tiel ankaŭ de la II-a Internacioj estas forgesitaj kaj iliaj decidoj estas transformitaj en "paperflokon"[1]. — Daŭrigo pĝ. 59.

[1]) Necesas rimarkigi, ke ĉi esprimo estis tiam abunde uzata de ŝovinisma gazetaro de Entento, kiel ekzemplo kiamaniere Germanio rilatis al la traktatoj pri neŭtraleco de Belgio kaj Luksemburgo. Estas kompreneble kiel estis incitante apliko de tiu ĉi esprimo — "paperfloko" — al decidoj de socialistaj kongresoj. *M. F.*

# HOMIDO

*HENRIK ALLARI*

NOVELO

Naskiĝis Homido.

Ko-ngaj! Ko-ngaj! Bim-bam! Tili-lili-bom! Brrr-afifi! Vzzz! Tra-ta-ta-ta! Krrafififi!

Tial?

Ne: pro Patrio bolas batalo. Niaj gajnis — tial! Ne salutsonorigo, ne honorpafoj! Sed — venksonorigo, mortigopafoj!

Hura'!

Homido nudas. Direktas l' okulojn alsupre. Kelĉambro. Mallumo, malseko, mizero. Patrino dolorveadas. Patro fore batalas — kontraŭ homfratoj.

Homido banatas en larmoj.

Fono: tutmonda sangonupto. Frenezo, malkonscio. Homoj homojn buĉadas. Permaŝine, perscience. Kuglario — patrina lulkanto. Universala nerva incendio.

Patro stampitis. Reportis sanruinon.

Invalido!

*

Unuaj jaroj: mizero, mizero, mizero. Rampado surplanke. Senvarte. Ĝemoj, veoj. Patrino laboradas. Patro vagas de uzin' al uzino. Mon- kaj panmanko.

---

Malvenko de rusa armeo estos la malplej granda malbono. (Malaprobo inter la publiko.) Estus tre bone por ni, se germanoj okupus Varsovion kaj Tiflison . . .

Tiu ĉi deklaro de Lenin elvokis indignon inter la aŭditorio. Unu el malnovaj social-demokratoj, precipe indignita per ĉi deklaro, elpaŝis poste sur la tribuno kaj estis varmege kontraŭdiranta al Lenin. Li estis defendanta Varsovion kaj Tiflison kontraŭ la atako de Lenin. Lenin ruze ridetis.

Alimatene oni demandas Lenin, kial li tiel akre atakis, kial li diris, ke estus bone, se la germanoj okupus Varsovion kaj Tiflison. Lenin respondis:

— Tion mi diris intence, por evidentigi la naciisman esencon de kelkaj niaj kamaradoj. *El rusa lingvo tradukis 1516.*

Infanaĝa, revparadizo.
Ho, Granda Sinjoro!
Korto, stratoj.
Homido — nudpieda, mizervesta. Aĝkunuloj: etburĝidoj. Bonvestitaj. Sataj, rondaj, ruĝvangaj. Li — malsata, osta, anemia.
Ankaŭ Homido volas ludi. Sed — lin oni malŝatas: ĉifonulo, stratbubo. Li batatas, insultatas.
Aj-aj-aj!
Diabla almozulo! Kion vi volas? Iru for! Forpelu lin per ŝtonoj! Fia pedikulo!
Homido iras flanken, ploras, gapas la ludadon de la samaĝuloj.
Infancerbaj pensoj:
Ili havas ĉion. Havas ili velocipedetojn, ĉarojn, balancilojn, stansoldatojn, pafilojn, revolverojn, sabrojn, vagonetarojn, aeroplanojn, ŝipojn.
Mi — nenion.
Kial tiel?
Kial mi nenion havas? Panjo, paĉjo, kial ne havas ni belan loĝejon, bonajn vestojn, kial vi ne donas al mi bulkojn, bombonojn, ludilojn al mi vi kial ne aĉetas?
Panjo, kara panjo, kial?
Patrino ekploras, enbrakigas Homidon.
Ĉar estas vi ido de proleto, ĉar per laboro sendanka ni devas nin nutri, ĉar estas ni sklavoj de Kapital', kiun per bajonetoj, kiun per kanonoj gardas fią krimular'!
Tial, filet'!
Sed — kial *ili* ĉion havas???

*

Homido — ĵurnalvendisto strata. Groŝoj, groŝoj! "Kuriero" hodiaŭa! Revolucio en Rusio!
Homoj: stratbubo!
Malalta, malgrasa. La kruroj maldikas. Kapo grandas. Dorso ĝibas. Malforteco, malsanemo.
Etburĝoj samdomaj:
Kio tia iĝos? Apaĉo, ŝtelisto, gorĝotranĉisto, almozulo?! Niaj idoj tiel eĉ ne unu tagon vivus!
Lernejo.
Flikitaj vestoj. Patraj ŝuoj. Senlibreco. La burĝidoj ridas, mokas. Komunrigardas la mirŝuojn. Batas, mistifikas.
Homido suferas, suferegas.
For el la lernejo! Hejmen!
Sed hejme — infero. Patrino intermite frenezas. Geedzeca tragedio. Insultado, malpacado, batado. Malĉastegaj vortoj, diroj.

Patro drinkadis, ĝisporkece. Azenadis. Amindumis fremdinojn. Rezulto — filo.

Patrino ploris, ploradis. Ŝiaj haroj griziĝis. Cerbo difektiĝis: frenezo, mallumo spirita.

Patro pias, pentas, laboregas.

Eterna insultado.

Patro ne atentas. Ŝi miloble ripetas. Patro silentas. Ŝi koleriĝas. Aliras. Krias en l' orelon. Li ekflamiĝas. Ŝin pugnobatas.

Aj-aj!

Diablo! Monstro! Kion ci faraĉis *tiam*? Sed nun! Bataĉi min! Fidelan, honestan edzinon!

Fi, fi, fi!

Homido ploras, ploregas.

Paĉjo! Panjo! Ne batu! Panjo, tiel ne parolu!

Patrino:

Ankaŭ vi, diablo! Ĉu vi ankaŭ adultos? Ĉu vi ankaŭ faros idojn? Ha!...

Homido forkuras. Vagas surstrate. Noktaj ombroj. Pluvo. Gaslanternoj: kandeloj sur bastonoj. Paltvestitaj homfiguroj. Stratmeze: brilbutonaj policistoj.

Homido ploras, ĝemas, preĝas.

Ho, Granda Sinjoro! Ĉu vidas Vi min? Helpu! Forprenu al Vi! En Ĉielon! Kara Jezuo, faru, ke Patrino iĝu ree bona! Jezuo kara! Jezuejo!

Homido surgenuas.

Mallumo, koto.

*

Junanimo. Impreso-stampoj: malĉastaĵoj, insultoj, malpacado, malfido. Imagoj pri la mistera, pri la dolĉega Sekreto. Sopiroj, sopiroj!

Angulo soleca. Artefarata dezirplenumo. Voluptofajro en l' okuloj. Frotado. Kulmino. Elŝpruciĝantaj vivatomoj. Nerevenigeblaj, vivodetruantoj.

Satanaj, diaj ĝuoj.

Senelira reto. Nerezistebla logo. La procedoj oftiĝas. De tago al tago. La korp' ekdetruiĝas. Sinŝloso. Ĉesigo de rilatoj kun Ekstero.

Interno senordiĝas.

Malaperas vivĝojo. Kreskas la impulso. Kreskas solemo. Kreskas homevitemo. Ekanarkio en la sango, cerbo. Minacas — frenezo!

Ĝua monomanio.

Konsumiĝas Vivoforto.

Malespero. Pensoj pri sinmortigo.

Sed — vivu Espero!

*

Tam-tam! Tam-tam-tram!

Kavaliroj de S-ta Georgo. Jankiaj vestoj. Enmane: balailbastonoj, Ĉezone: pendotranĉiloj. Surmanike: grado-, rangosignoj.

Memfieraj fizionomioj.

Tamburoj bruas.

Soldatmarŝado: Unu, du, tri! Unu, du, tri!

Popolo spektas. Homido kun ĝi. Sopirondoj enkore. Dezirflamoj survizaĝe.

Homido ankaŭ volus esti skolto!

Sed — uniformo, alia ĉio!

Nur idoj de riĉuloj!

Tam-tam-tram!

*

Homido malesperas. Homoj ĉagrenas lin. Li iras celnekonscie. Aŭtoj, tramoj, fiakroj preterflugas. Burĝoj iradas, promenas ventrotreme.

Parko. Granda malĝojo, angoro.

Kial ne havas mi riĉajn gepatrojn? Dio, kial ignoris vi min? Kial mi ne povis elekti al mi gepatrojn?

Nuboj ploras.

Krepusko. Homido sidas sur benko. Folioj faladas de arboj. Putras surtere.

Ŝtato kontraŭ ŝtato.

Homo kontraŭ homo.

Por Patrio! Patrio endanĝeras!

Homido — en tranĉeoj. Kuglovinzado. Kanonbruo. Atakoj kontraŭ lą tranĉeoj malamikaj. Anima premateco.

Teruro, teruro!

Dio estas por ni! Antaŭen!

Por justo!

Batalhomoj kuras. Surtere: kadavroj. Malamiko kuras renkonte: Besto, brutoj, monstroj! — oni diras.

Bajonetbatalo.

Hura'! Hura'!

Venko!

Sur la malamika teritorio.

Homoj bestiĝis. Oni bruligas, mortigas, ekstermas. Malamiko ja! Infanoj bajonete trapikatas. Ili — malamikoj ja! Virinoj senhonorigatas. Gekadukuloj mortpafatas. Ili — malamikoj ja!

Oficiroj instigas, ordonas.

Kompaton, sentimentalecon al diablo!

Homido suferegas. Homon ne mortigu! Ne infanojn, virinojn, kadukulojn! Ne — mi ne! Homa sango estas tia ruĝa! Homokuloj tiel brilas!

Hom' kreitas laŭ de Dio bildo.

Malamiko — same homo kiel ni!

Sed ordon' — mortigi ĉiujn!

Ha!...

Kiu bezonas tion? *Ili* ja! *Ili* — ministroj, generaloj, riĉuloj, kapitalistoj! Homo mortigu homon! Infanojn! Virinojn! Kadukulojn!

Ne!

Sed — ordono? Sed — estroj?

Ne, Homido ne povas!

Li forkuras, rifuĝas. Vagas en arbaroj, marĉoj. Malsatas. Malsanas. Fore: kanonbruo, hombuĉado.

Ve!

Ĉielo ploras: Homo — Dio tera — sovaĝbestas! Homo frenezas! Homo demonas!

Sed — videblas Aŭroro!

Homo vekiĝis! Homo homiĝis!

Kanonfaŭkoj turnitas al estroj!

*

Revolucio!

Skuiĝas la fundamento de la reĝimo malnova.

Maljusto ekpereas.

Laboristoj strikas, Soldatoj, maristoj ribelas, malobeas.

Leviĝas ruĝaj standardoj.

Masoj furiozas. Ĝenerala revolucia entuziasmo.

Liberecon! Liberecon al ĉiuj! Homajn rajtojn! Egalecon!

Malliberejoj detruatas, bruligatas.

For la registaron!

For la burĝaron!

For kapitalistojn!

Ĝendarmoj, oficiroj rezistas, kontraŭbatalas. Revoluciuloj pelĉasas burĝojn. Paniko. Superuloj forkurintas.

Homido kunas la mason revolucian. Sed — oni mortigas! La revoluciuloj mortigas! Junulojn, infanojn, kadukulojn!

Oni buĉas!

Ha!

Homido malesperas, dubas. Flankeniĝas.

Mitingo. Oratoro:

Kamaradoj! Proletoj! La horo venis! Por Libereco! Estonteco! Nova mond' ekĝermas! Ĉion por ĝi! Sed — la malnova fortas! La malamiko fortas! Kapital'! Armiloj! Tradicio! Malklereco! Ili ne cedas! Ili ne kapitulacas! Ili rezistas! Ili volas venki! Nin sklavigi ree! Tion ni ne permesu! Ni batalu! Mortigu! Ekstermu! Senkompate!

For kompaton! For sentimentalecon!

Vivu revolucio!

Reakciuloj kolektiĝas. Blankarmeoj proksimiĝas.

Kanonbruo.

La revoluciuloj venkitas, submetitas.

Blanka teroro.

Sennorma mortpafado. Malliberejoj plenas.

Vekrioj de infanoj! Lamentoj de patrinoj!

Burĝoj krias:

Mortigu! Ekstermu la serpentaron! Malaperigu la revoluciemon! Revenĝu centoble, miloble! Sen kompato! Sen indulgo!

Homa sango helpukrias!

Homido indignas.

En Homido: metamorfozo. Burĝoj, kapitalistoj — krimuloj! Kial *ili* mortigas? Kian rajton *ili* havas? *Ĉar* — justo ĉe Proletaro! Ne ĉe ili!

Rezignu je Kapitalo, Povo!

Donu al ni Liberecon!

Donu al ni homrajtojn, egalecon!

Sed burĝoj-kapitalistoj respondas per — kugloj!

Do — pereu!

Vivu klasbatalo!

Vivu revolucio!

*

Homid' enlitas.

Muskola malstreĉiteco. Langvoro. Nerva apatieco. La histoj ardas, brulas. Ŝvito odoraĉas. Sango fluas malregule.

Malvasto.

La plafono senkompate premegas.

Plafono, supreniĝu!

Muroj, dismoviĝu!

Kosmo senfinas. Skatol' kvarvanda. La brusto sufokiĝas. Kap' alterigitas. Cerbo interkrampas.

For! Elen!

Vivu Libereco!

Brulas la dikvangoj. Kor' bategas. Krepusko de Pasivo. Araneoj de Kapitalo. Musoj de Tradicio.

Mi volas vivi!

Homido rektigas sin. Levas la manojn alĉiele. La pugnojn.
Jahve, ci kulpas, diablo!
For diojn, en koton diablojn, en kloakon tiranojn, aŭtoritatojn!
Vivu hom' libera!
Dornokron' de Kristo.
Homido ekprenas seĝon, mortigas Kriston.
Sed — Kristo ploras — ploras!
"Venu al mi ĉiuj, kiuj estas premataj kaj ŝarĝitaj."
Kristo, ci estas dieto de Malforto, de Sklaveco, de Morto!
Vidu — embrias Dio de Forto, Libereco, Vivo!
Kristo mortis por eterne!
Naskiĝontas Homdio!
Spegulo de internaj fajroj.
Homido enrigardas:
Malalta frunto, pendokarno, febroruĝo, alĉiela naz', okuloj noktaj.
Pereu!
Pecoj flugas. La bildo malaperis.
Homid' libere spiras.

*

Ĉiel' matena. Lazuro, vasto. Sunradio simfonio. Venteto malvarmeta.

La vangoj ardas, ruĝas.

Irvojo ĉiutaga.

Ruĝbrikaj, blankaj konstruaĵoj. Temploj de Jehovo. Placo de Malliberec o. Palaco de Mamono.

Homid' spiregas, ĝibas.

Renkontvenas:

Junuloj fortaj kaj vivĝojaj. Fortpaŝado. Knabinoj, gajaj, idealebelaj. Rozvangaj. Orharaj.

Sopirbirdaro.

Helridas la knabinoj. Voĉa melodio. Kissoifas la ĉerizbuŝetoj. Lazuras grandokuloj.

Homid' al ili altiratas.
Tie — Feliĉo, Bel', Eterno, — ĉio!
In', vi estas Luno de Edeno! In', esenc' de Vivo estas vi!
Sed — abismoj de pasinteco! Inkuboj de estinteco!
Malsaneco, senforteco, malbeno genta.
Pesimismo.
Invalidoj — for el vivo!
Fadenoj disŝiratas.
Homid' forturnas la vizaĝon.
Ili — por vivo! Mi — por morto!
La nervoj brulas.

Halucinoj: Mortotuko. Ĉerko. Putranta kadavro. Vermoj abomenaj. Malvarma tero. Koto. Neniiĝo por eterne.

Ne!

Mi volas vivi!

Vivi!

Se ne ĉi tie, do en Sudo, en Sunio, en de Fantazio lando! Somer' ĉiama! Verdo, Juno! Sun' zenita! Sano! De Naturo paradizo!

Elen el realo, vivo! En Sunion, en Revion! En Forgesion! Tien, de kie neniu revenintas! En — Mortion! En de Nenio landon!

Sed!...

La vivo daŭros! Naskiĝados miriadoj da Homidoj! Mortados miriadoj da Homidoj! Vegetados miriadoj da Homidoj! Ĉio samos! Ĉiam — invalidoj, nevivivuloj! Ĉiam — proletoj, burĝoj, kapitalistoj! Ĉiam — premegatoj, premegantoj!

Ne!

Mi volas vivi!

Vivi, por batali por justo! Por prepari Estontecon pli feliĉan! Labori por estigo de Homo!

Mi volas vivi!

Por ke la estontoj vivu!

Ne vegetu!

*

Senmaro.

Homido vekriigas violonon.

Mansardo malluksa. Malvarmo, mizero, malsato. Sube — sklavojmastroj de Mamono. Sube — burĝa ĉionhavo.

La spino de Homid' fleksitas.

Lamentas la kordoj. Aervibrado. Sangondado. La cerbo interkrampas. Kor' krevontas. Histoj sopirkriegas je paner'. Anim' — je Ŝi.

La kordoj disŝiriĝas.

Mi volas vivi!

Volas ami!

La plafono surfalontas. Homid' kurbiĝas. Penas rerektiĝi. Ĉu liano rektas?

Kordoj ploras, nuboj larmas.

Daisy, karulino, diino mia! Ne povas mi vivi sen Vi! Nur foje Vin ami! Nur foje kisi, ĉirkaŭpreni! Nur foje ĝui Am-Edenon!

Daisy!

Amatino!...

Ha!

Fantomoj de Estinteco, Kapitalo.

Nigro, sanruinoj.

Malnovo!

Malnovo inkubas, premegas!

Pasinteco ligas la manojn, piedojn, korpon, cerbon!
Maljusto!
Kapitalo sklavigis, invalidigis!
For pasintecon!
For Malnovon! For maljuston!
For Kapitalismon!
Vivu Novo!
Vivu Estonteco!
Homido koncentrigas la fortojn.
Iras kontraŭ Kapitalon.
Ekpaŝas renkonte al Estonteco.
Daisy! Daisy!
Mi devas rezigni je vi!
Daisy ploregas. Animciklono en Homido.

*

Egaj ŝtonkuboj. Araneaĵo stratara. Homa formikejo.
Homido humplás sur asfalto de trotuaroj.

Kapitalisma pupteatro. Homoj = marionetoj. Kulisoj — bankoj, borsoj, magazenoj. Glitas aŭtoj, tramoj, omnibusoj. Kapitalo fadentiras.

Ĉielstrio.

Sunmakulo.

Elektraj lunoj. Lumabundaj lokaloj, kabaredoj, baroj. L' orelojn de Homido "ĝesbendo" plenigas. Okulojn —

eno de Bacchus-templo. Ĉirkaŭtablas stomakegoj. Cirklo de kapoj geporkaj. La buŝfaŭkojn enas — oro. Ĉirkaŭfingras — briliantoj, gemoj.

Furaĝo, ha! ambrozio gastronoma.

De Homido gastronom' — Malsato! Bojborigas la intestojn pro malpleno. Li grasiĝis — pardonu! — malgrasiĝis pro dumviva senpaneco.

Brave! Bravè!
Bis! Bis!
Homido indigniĝas.

Anarkiistoj, bombon (ne bombonon!)! Marodistoj, vi manĝas nian panon! Rabistoj, krimuloj juraj, vampiroj de Homaro! Gravedaj sociaj hirudoj! Vi trinkas nian sangon!

Vivu la vivo!
Vivu vin' kaj inoj!
Hip-hip! Vive! Hoch!
Evviva! Skal!

*

Fabrika kvartalo.
Homido iras kun sunkoro.
Labortemploj masivaj. Maŝinbruego, fumo. Alĉielaj kamentuboj.
Uzinoj krifajfas.
Pordegoj malfermiĝas. Elfluas laborista maso. Ŝtalhomoj blubluzaj. Trapikaj radiokuloj. Muskola odo.
Fortpaŝado. Cel' — malluma hejma kel'. La stratoj plenas je kreistoj. De unu flanko edzo, dua — edzino, tria — gefiloj.
Junprolet' iras renkonte al Ruĝa Sun'.
Junproletin' kuniras lin.
Akordoj de tempoj estontaj.
Homido aliĝas. Homido sentas sin homo inter homoj. Ne aŭdeblas susuro de bankbiletoj, tinto de ero. Ne videblas burĝaj bareluloj.
Homido etendas la manon al frat'. Fulgoza manego ĝin premas.
Kamaradoj, devenas mi el via klas'! Reakceptu min al lavanga via mas'!
Super la kvartalo pezas centpuda kapitalisto.
Miriadoj da kalmanoj leviĝas alsupre.
El la tero kreskas laborgiganto.

*

Kamaradoj!
Kamaradinoj!
Kunsklavoj!
Vekiĝu el narkoto de pasivo, forskuu de Kapital' katenojn! Eliru miriade el uzinoj, ekprenu armilojn, levu alten la ruĝajn standardojn! Potence sonigu Internacion! Regigu Juston sur la ter'!
Vivu proletaro!
Vivu marksismo!
Vivu revolucio!
For burĝaron!
For kapitalismon!

*

*Leviĝu, en mizer' dronanta*
*sklavar' malsata de la ter'!*
*Raci' nin vokas indignanta*
*al mortbatalo pro l' liber'.*

*Malnovan mondon ni detruos*
*ĝis fundament' de l' tirani',*
*kaj nian novan ni konstruos.*
*Ne nulo, ĉio estu ni!*

*

Do — en la loko, destinita por idealistoj.
Kvar ŝtonmuroj. Malsekaj, ŝimozaj. Planko — malpuraĵejo, ratpromenejo. Plafono — epitaftabulo.

Homido rigardas tra la kradaro rustanta. Lia hirta kapo ŝajnas ekstere aŭtuna lun' en nuboj.

Libereco! Libereco!

Malantaŭ la pordo promenas gardestaranto. Kun pafilo.

Homido skuas la katenojn.

Mi volas vivi!

Mi volas vivi! Krias birdo sub ĉielo, krias fiŝo en akvo, krias besto en arbaro. Nur homo ne rajtas vivi, ne volas vivi, ankaŭ aliujn ne lasas vivi! Ĝi premegas, sklavigas, mortigas, enkarcerigas!

Homido ploras.

Homo! Homo!

Homo, mi amas vin! Homo, mi kompatas vin!

Homo, vi estas dio de la mondo! Nur vi tion ne konscias! Vi multiel similas ankoraŭ beston! En vi estas ankoraŭ multo heredita de la pasinteco!

Homo, vekiĝu, leviĝu! Homo!

Sed homo dormas.

Ministro veturas en aŭto.

Ho, blindulo, dormanto, sklavo de Kapital'! Vi krimas, krimadas! Tamen mi vin ne malamas, nur bedaŭras! Ĉar vi, mizera, ne konscias, kion vi faras!

Ekstere tintas bajoneto.

Regula paŝadsono de gardestaranto.

*

Militjuĝejo.

Homido — inter soldatoj, armitaj. Disŝiritaj vestoj. Hirtaj haroj. Freneza okulbrilo. Skurĝovundoj.

La korpo kadukas.

Oficiroj-juĝistoj paragrafas.

Prezidanto prelegas kulpigon: komunisto, ribeliganto, provokatoro, teroristo.

Prokuroro: Al mortpafo!

Juĝistara interkonsiliĝo.

Verdikto: Mortpafi!

Homido paliĝas, ŝanceliĝas.

Homoj, kion vi faras?

Sed mi pardonas al vi, ĉar vi ne scias, kion vi faras!

Homido falas.

Soldatoj elpuŝas senvivan Homidon.

Daisy, helpu!

*

Senluma aŭtunnokto.
Homido veturigatas al morto.
La urbo dormas. Hetairoj negocas. Policistoj stare dormetas
Oni haltas en arbaro.
Homido palegas, ŝanceliĝas.
Mi volas vivi! Ho, kiom la vivo tamen belas!
Homoj, kion vi faras kun mi?!
Soldato volas tukligi l' okulojn de Homido.
Ne! Mi mortos kun okuloj malfermitaj! Mi volas almenaŭ morti konscie! Almenaŭ morti!
Salvo de pafiloj.
L' okuloj de Homid' grandiĝas. La koro kunpremiĝas konvulsie. Larmoj survangiĝas.
Homoj, vekiĝu, Hom-iĝu!
Daisy-y-y!
La brusto, koro, cerbo traboritas. Homo momente kadavriĝis. Sed — suferoj, aspiroj, idealoj?
Homido falas en tombon pretfositan.
Soldatoj sabloplenigas la kavon.
Homido restas ene.
Insultado de l' oficiroj surdigas kompaton.
Supre trembrilas steloj.
Okuloj ĉu de Daisy?

*

Ko-ngaj! Ko-ngaj! Bim-bam! Tili-lili-bom!
Kio?
Pro li?
Ho ne:
Antaŭ 2000 jaroj mortis Kristo.

*1925.*



# NAJTINGALO

## EL EMOCIOJ DUM SOVETLANDA VOJAĜO

*N. BARTHELMESS*

Vagonaro malrapidiĝas. Kio estas? Ĉu jam Moskvo? Efektive! — Ĉu vi ne jam pretiĝis? Ho, do, kial ne? Mi estas preta. Sed en mia kapo io evidente disordiĝis. Tia subita realeco. Ĉiam kaj ĉiam mi havis la revan imagon pri Moskvo, mi imagis ĝin al mi kiel ion malproksimegan, neatingeblan, kaj la "Mil kaj unu noktoj" kompreneble infektis cerbon per ide-asocio... Sed jen, subite ĝi elstaras konkrete antaŭ miaj okuloj kiel bona manĝaĵo sur plado!! Moskvo!

Jes, la reala bildo! La konturoj de mil preĝejaj kupoloj, la Kremlo apud bordo de Moskva, longega, alta, fiera, kaj sur placo apud murego, jes, la maŭzoleo kun korpo de Iljiĉ.

Nu, sed tio ja ne estas ĉio. Tio ja nur estas formoj, kiuj prezentiĝas bildece al okuloj. Ho ne, nun nur ekviviĝas Moskvo, kiam mi forlasis stacidomon, surpaŝis placojn, trakuris stratojn, rigardis la homojn kaj — komencas akordigi ĉion kun la revoj kaj imagoj de mia animo. Ordiĝas en cerbo la pensoj, ili kombinas kaj interplektas jen tion kun tio.

Kio estas Moskvo? Ĉu la Kreml'o, la preĝejaj turoj, la antikvaj konstruaĵoj, la sovetaj afiŝoj, la homplenegaj stratoj? Ne, Moskvo estas viva fonto de Novo, kiu forpelas Malnovon, Moskvo estas la energio kunfluigita de soveta Proletaro. Moskvo estas la elradianta centro de bolŝevika potenco kaj de komunista idearo.

Sed ĉion ĉi mi ne estus tiom intense sentanta, se ne homoj proksimus al mi, kiuj mem aktive estas kreantaj kaj produktantaj en tiu nova vivo. Se ne per esperanta lingvo mi akceptus la intimaĵojn de tiu vivo, la multvariajn esprimojn kaj erupciojn de tiu gigante pulsanta vivo.

*

Tamen en Moskvo ne enmaŝigas min la centriga sunfortego de Sovetio. Radioj diskuras varmigante la tutan regionon, kaj vagonaroj rapidas de multaj moskvaj stacidomoj tien kaj tien. Kaj unu ekfajfas longe, obstine, kuraĝe, kaj rulas min sur reloj preter arbaregoj kaj kamparoj, preter vilaĝoj kaj vilaĝegoj, kapo kuŝas sur valizo malmola kaj resumas kaj volas ordigi pensojn. Sed la impresoj mokas kapon: superfortas la bildoj; kaj ĉio forviŝiĝas en revaj ĵonglaĵoj!... Ha, tiaj impresoj!

Moskvon vi ne plu flaras. Orelo akceptas sonojn de alia parolmaniero, de lingvo, kiun oni aplikas centojn da kilometroj for de Moskvo. Reloj glitigas nin al nova stacio. Ĉu tio estas la teksfabrika urbeto Ivanovo-Voznesensk? Jes, estas.

Kaj tamen, spite al fabrikaj fumtuboj, kia bela arbara zono, kiaj ĝardenoj, kiom de verdaĵo!

Mia cerbo ripozas. Ĝi havas ripozan tempon, povas rekreiĝi. Ĉambreton trakuras la sunradioj, liveras agrablan varmecon, kaj dense apud fenestro verdaĵo strangajn ombroformojn ĵetas, trakurata de l' sunaj briletoj. Kaj infanaj voĉoj, helaj, sonoraj, laŭtiĝas el profundo, el ĝardeno...

Jen, malsupre en ĝardeno
Ludas gaja infanar',
Tra l' verdaĵo palpebrumas
Najtingal' en foliar'...

Jes, la najtingalo!

La piano devas reprodukti, kion ĝi sopiras, kion birdeto kantas al ni, kion ĝi sentas sidante en foliaro de sunkaresata arbo...

Ĉu vi aŭdas ĝian kantadon?

Sed homoj de nova soveta lando akceptas ĝian kanton, kvazaŭ birdo kune kun homoj komprenis neceson de Revolucio, skuis for de si pasinton carisman, kaj kantadas por gloro de Revolucio!

Jes, birdeto komprenas sentojn de homo: malgajajn, molajn sonojn ĝi ekaŭdigas, kiam ĝi renkontas senesperaj la homajn suferantojn, kiujn ĝi amas, la homojn de laboro kaj de mizero.

Hodiaŭ nun ĝi elgorĝigas gajan trilon, kun preskaŭ petola kapriceco ĝi trilas, triladas, vidante homojn de l' Laboro plenfidaj kaj memkonsciaj en ilia ekkonstruo de nova socia bazo. Ho, kiom bele ĝi kantas!

Kaj kiom bele brilas la okuloj de homoj-laboruloj, kiuj aranĝas la novan socion, dum kantas tiel esperige kaj tiel senmalĝoje la malgranda birdeto, nomata Najtingalo!...

*

La geknaboj en ĝardeno tro multe petolas. Ne donas ili trankvilon. Ĉirkaŭbaraĵojn evidente ili ne toleras. Kio estas? Ili revenis antaŭ nelonge el kampara tendaro, kie ili trapasis pioniran vivon plenan de ĝojoj kaj amuzoj por stomako kaj por kruroj kaj brakoj...

Nun ili kutimis al la granda arbaro kaj al la vastaj herbejoj, kaj la ĝardeneto tro mallarĝas...

Sovetlandaj infanoj bezonas spacon, spacegon. Ili ĝin havos, ĉar Sovetlando estos la tuta mondo, kaj infanoj de l' tuta mondo estos la amikoj de la infanoj de nuna hodiaŭa Sovetio.

Sovetlandaj infanoj scias tion, kaj tial ili tiom ĝojas kaj petolas, kaj tial ili skribas al siaj amikoj en eksterlando, invitante ilin, fariĝi ankaŭ "sovetianoj".

Jen kial najtingalo tiom gaje kantas en branĉoj de tiu belverda arbo, observante la petolajn infanojn, kiujn suno brunigis kaj sanigis.

Daŭrigo pĝ. 73.

 KRITIKO 

# SIBERIA LULKANTO

PRI LA ROMANO "VIKTIMOJ" DE JULIO BAGHY

*N. V. NEKRASOV*

III

Parolante pri la herooj de la romano, oni devas konfesi, ke Baghy sukcesis prezenti ilin vigle kaj esprimplene. Tute vivanta estas la figuro de la militkaptita judo-brokantisto Izor Steiner. Lian parolmanieron karakterizan Baghy bonege eltenas ĝis la fino. Same Joĉjo, la barakhejtisto. Sufiĉe bone reliefiĝas la personeco de romantika mizera knabino Fiza[1]), kiu servas en la tendaro kaj poste volontuline aliĝas al la ruĝa armeo. Malgraŭ ŝajne ekscentrismo de sia historio, ŝi estas tute natura vivpersono.

Eĉ Katja, la prokuroredzino, malgraŭ sia riska rolo, sufiĉe korespondas al la verŝajneco. Sed oni ne povas diri la samon pri la ĉefa heroo de la romano Johano Bardy. Li estas absolute nereala tipo. Kiel modelon por Johano Bardy Julio Baghy certe prenis sin mem. La romano sendube havas kelkajn biografiajn trajtojn. Sed anstataŭ havi facilan taskon Baghy neimageble komplikigis, idealigis sin — enamiĝis sin mem kaj perdis kriterion de normaleco.

La heroo ĝuas privilegian staton en la militkaptitejo kiel tendarteatrestro. Gvidante grupon da militkaptitoj-aktoroj, ludantaj kutime eĉ virinrolojn, li estas samtempe reĝisoro, aktoro, artisto, poeto, dramverkisto, komponisto ktp. Ĉiuj talentoj en kondensita skatolo. Ĉiuj lin adoregas, ovacias, aplaŭdegas. Ĉiuj virinoj senescepte freneziĝas pro li kaj proponas sin al li absolute... Sed li en olimpa pozo rigardas desupre, fermita en siaj superĉielaj nekompreneblaj emocioj.

[1]) Kredeble: Fisa (Anfisa). En la romano multaj rusaj nomoj estas iom kripligitaj. Ekz., Marusa — Marusja, Juroviĉ — Jurjeviĉ, Tockoesavsk — Troickosavsk k. a.

---

Ĉar najtingalo estas birdeto, kiu komprenas la vivon kaj ŝatas la feliĉon de ĉiuj vivaĵoj, de ĉiuj homoj...

Najtingalo, birdeto estas multe pli prudenta ol kelkiuj homoj. Aŭskultu ĝian triladon! Eble, ke larmoj plenigos viajn okulojn. Eble, ke io alia vekiĝos en via brusto, ia sento de forteco kaj supereco kaj venkokonscio... deziro al vivo. Al *vivo*.

Amiko de la heroo — Petro Doŝky flate komplimentas Johanon Bardy:

— Ne protestu, Johano, ne protestu! Ĉiuj scias ja, ke la virinoj amas vin. La filino de la general-kuracisto ĉiutage promenas antaŭ nia barako kaj akceptas kun speciala afableco vian saluton. La edzino de la stabkapitano parolas pri via arto kun granda entuziasmo. La bofratino de la komandanto, la bela vidvino, sendis al vi eĉ bukedon dum la lasta teatra prezentado kaj en ŝia aplaŭdo estis io pli ol honoro al la aktoro. Ĉiuj virinoj de la militkaptitejo sieĝas vin, ke vi instruu ilin pri danco.

Precipe la edzino de la prokuroro interesiĝas tre intime pri Johano. Ŝian edzon Johano instruas pri Esperanto kaj tion aludante Petro Doŝky mokas:

— Pardonu min, mi rememoris... pri la edzo, kiun vi instruas pri la lingvo kaj kies edzino estas preta en ĉiu momento adulti kun vi... La edzo lernanta sola en la balĉambro kun sincera idealismo en la animo, kaj la edzino, flirtanta kun la instruisto en la subtera vestejo de la aktoroj. Hahaha! Vera grimaco!

Malgraŭ ĉiuj ĉi eksterordinaraj favoraĵoj, kiujn multaj militkaptitoj, izolitaj por longa tempo en nura virsocieto, enviegus, Johano Bardy konservas ideale puran ĉastecon.

La prokuroredzino venas al Bardy en la tendar-teatron:

La pordo malfermiĝis. Johano turnis sin al la virino, kiu staranta antaŭ la vesteja stablo rigardis la artefaritajn virinajn koksojn kaj mamojn, kiujn oni per ŝnuretoj fiksas al la viraj korpoj dum la prezentadoj.

Johano haltis malantaŭ ŝia dorso.

— Ĉu vi vidas, sinjorina moŝto, tiel ni mensogas al ni mem por luli nin en iluzioj, ĉar la realon forrabis de ni la vivo.

— Kaj eĉ se la vivo etendas al vi la realon, vi preferas la koturnojn. Jen viaj tragedioj, — diris ŝi kun malgaja rideto.

— Jes! Ja! Komuna sorto de la militkaptitoj.

— — — — — — — — — — — — — — — — — —

La virino nerve disŝiris unu el la virinaj kostumpecoj kaj ĵetis ĝin al la piedoj de Johano.

— Jen! Vi, kurantoj preter la vivo, kun viaj revoj, kiuj ŝiriĝos kiel ĉi tiu produkto de vana iluzio.

Per tiuj ĉi lastaj vortoj Baghy vergis sin mem. El tiu ĉi neimagebla kaj nereala "tragedio" li faris suĵeton de la tuta romano. Li konsekvence evoluigis tiun ĉi temon ĝis la lasta paĝo, martirigis la ĉefheroon, la heroinon kaj ĉiujn apudajn rolulojn. Ĉio kaj ĉiuj en la romano fariĝis "viktimoj".

Post diversaj perturboj kaj varioj, dum kiam la intrigo ĉiam pli kaj pli streĉiĝas, la fino de la romano leviĝas ĝis kulminacia punkto kaj apogeo de la temo. Okazas io ekstreme fantazia. La edzo de la heroino indignante, ke Johano *ne* (!) adultis kun lia edzino, venas en la karceron, kie Johano sidas amsuferante, kaj alportas seprimenan skurĝon kaj kadavron de la mortigita kulpulino... Absolute neinterpretebla situacio! Tre ĝustatempe okazas tie ĉi "akra ek-

krako kun surdiga tondro ekskuinta la tutan domon" kaj aliaj teruraĵoj por kompletigi la eksterordinarecon de la unika bildo.

Kaj antaŭ la rigida korpo, apud la viktimo de la amo, Johano falis sur la genuojn...

Senespere, suferplene Johano sin mem oferas al terura pereo en... mortvagonaro. Verŝajne la fakto estas ĉerpita el reala epizodo, kiu vere aŭ simile okazis dum la milito civitana en Siberio, ĉar ĝi pli kredinde aperas ol la kadavro de la prokuroredzino en fianĉina vesto... Tre verŝajne, ĝi efektive ekzistis, tiu mistera vagonaro de la mortkondamnitoj, unu el la kutimaj kruelaĵoj de la furioziĝinta kontraŭ-revoluciularo:

...Ĝi venas el *Ufa*. Ĉiu vagono estas plumbita. 40—50 homoj enestas po vagono. Junuloj, infanoj, virinoj, maljunuloj. Ili vojaĝas jam de dudek tagoj, kaj vojaĝos eble ankoraŭ dudek, al *Ruskij Ostrov*, laŭdire. Ni vidis la flavajn ostajn vizaĝojn, la tremantajn manojn en la kraditaj fenestroj...

Ho, ili ja estas indulgaj! Ili ne mortigas la ruĝulojn, ili nur envagonigas ilin. En ĉiu vagono putras unu-du kadavroj. Kaj la terura malpuraĵo — dudek tagojn plumbfermite! — mil kaj mil pedikoj... abomene! Oni diras, ke hodiaŭ iu virino naskis infanon kaj ŝiris de si la solan vestopecon por vindi la etulon. Tute nude ŝi sidas sur la vagonplanko kaj frenezridete proponas siajn sekajn mamojn al la dia donaco. Dia donaco!... Eh, ankaŭ Dio ne scias kion fari ĝustatempe...

Kaj hodiaŭ oni alkroĉis ses vagonojn da novaj mizeruloj. Ĝis nun oni gardis ilin en la mallibereja korto, nun ili eble jam estas plumbfermitaj en siaj ĉerkoj...

Propravole, en sia senlima senespereco, Johano forveturas en tiu ĉi fatala mortvagonaro. La sinofere ameganta Johanon ĉifonulino Fiza, vundita, suferanta, kuras post la vagonaro:

Malespera ekkrio. Fiza kuras sur la relojn. Malproksima ruĝa lampo. Nun ĝi malaperas. Mallaŭta, formortanta klakado de radoj. Li iras for tie... Li iras for!...

Fiza sin ĵetas sur la relojn kun freneza ekkrio.

Tiel finiĝas la lasta paĝo.

La lasta sceno engravuriĝas en la memoro. Foriĝas flanken la strangaĵoj de la romanintrigo mem, sed restas neforskueble tiu ĉi lasta finala impreso.

Malhela vespero. Reloj de la fervojo. Malproksime vidiĝas lumo de ruĝa lampo. Tie, malproksimege, estas vi, Siberio! Bruas mallaŭte la iranta surrele fatala mortvagonaro. La radoj bruas, la radoj murmuras motivon de "Siberia lulkanto"... Lulkanto de amo, de batalo kaj de morto...

— — — — — — — — — — — — — — — —

Malgraŭ seriozaj difektoj, la romano de Julio Baghy estas tre rimarkinda kaj talenta verko. Malgraŭ la mankoj, per tiu ĉi romano la originala Esperanta artliteraturo sendube akiras sufiĉe valoran donacon. Baghy estis prava, skribinte sur sia verko la dediĉon:

Al la originala literaturo de Esperanto. Kun firma fido pri ĝia estonteco — la aŭtoro.

# LA SKEMO DE LINGVA EVOLUO[1]

*E. SPIRIDOVIĈ*

## Internaciiĝis ne vortoj, sed konceptoj

La vereco de l' opinio, ke lingvo internacia (LI) evoluas per "natura" (malkonscia) vojo, estas pruvata de multiuj per tio, ke en la modernaj lingvoj pro internaciiĝo de l' vivo kreskas la kvanto da internaciaj vortoj kaj ĉi-maniere, per la "natura" kunligo de lingvoj, okazas la formiĝo de LI.

En ĉi-opinio antaŭ ĉio nin atentigas la emego elŝovi la proceduon de l' tiel nomata "natura" (verdire, malkonscia) evoluo de l' lingvo. La ĉefa kulpulo de la penego estas la moderna, burĝa lingvoscienco, trae penetrita de l' lingva fetiĉismo kaj bazita sur ĝi. Ĉi-"scienco" ĝis nun ne havas la spinon (sistemon, bazitan unuavice sur ekonomiaj faktoroj de l'vivo), sur kiun povus sin apogi marksano. Ĝi prezentas la riĉegan deponejon de lingva faktoro, ŝateme gardata kaj kolektata de "lingvoarkivuloj" kaj sortimentata de ili laŭ formo, amplekso, grandeco, sed ne laŭ la enhavo. Nur en penoj de marksanoj — adeptoj de LI (grupiĝantaj en SAT) ni vidas la komencon de l' grandega laboro pri konstruo de l' nova, marksisma lingvoscienco.

Sed nuntempe la aŭtoritato de l'burĝa lingvoscienco estas ankoraŭ sufiĉe granda eĉ inter multaj adeptoj de LI. Tial la peno trovi la vojon de la "natura" evoluo de LI ŝajnas por multiuj promesanta la eblon kunligi la problemon de LI kun la burĝa lingvoscienco.

En la antaŭa parto de la artikolo ni konkludis, ke la vere natura vojo de l' lingva evoluo pasas de l' malkonscia procedo al la konscia ("arta") kreado. Jam el ĉi-tio por ni devas esti klara, ke supozi la pluan malkonscian evoluon de lingvo niatempe, en la epoko transira *de jam duonartaj* literaturaj lingvoj al HLI, estas la pleja anakronismo! Jam naci-literaturaj lingvoj, prezentantaj pli fruan kaj pli primitivan gradon de l' lingva evoluo, estas formiĝintaj sur la grundo de l' popolaj dialektoj[2]) ne per malkonscia vojo, tiel ŝatata de lingvaj fetiĉistoj, sed, en sufiĉe granda skalo, per konscia ("arta") laboro.

Ĉu la formiĝo de naci-literaturaj lingvoj okazis per malkonscia ("natura") kresko de komunaj dialektoj en diversaj popolaj dialektoj kaj ĉu la dialektoj unuiĝis tiamaniere en nacian lingvon? Ne! La tipa vojo de l' formiĝo de naci-

[1]) Vidu "S. R." n-o 3 (39), decembro 1926.

[2]) La paralelo kun formiĝo de HLI sur la grundo de naci-literaturaj lingvoj estas preskaŭ plena — la diferenceco estas plejĉefe en la skalo.

---

La terura kaj malĝoja Siberia lulkanto, kanto de morto, kantita de Bagy, ne forgesiĝos.

Sed ne la malesperon, ne la rezignon ĝi inspiru al ni.

Aŭdante ĝiajn froste-malvarmajn, glaciigantajn la koron sonojn, ni pli multe ardigu en la brusto tiun ruĝan flamon, kiu efektive en la fino ekbrulis tra la tuta Siberia spacego kaj venkis triumfe la blankan reakcion.

literatura lingvo estas, en sufiĉe granda skalo, *arta* riĉigo de ĝia fundamento (ekz., unu el dialektoj, apartenanta al ekonomie kaj politike pli potenca gento) per elementoj, prenitâj elĉie (el diversaj dialektoj, alinaciaj lingvoj, el internacia vortprovizo kaj... el kapo). Ĉu estas dissolvataj en la formiĝanta naci-literatura lingvo la popolaj dialektoj, sur la grundo de kiuj ĝi estas formiĝanta? Nur laŭgrade. La dialektoj en nutranta ilin socia medio ofte longtempe ekzistas paralele kun la naci-literatura lingvo kaj dum certaj kondiĉoj povas eĉ progresi. Ja nacilingvo estas ĉiam lingvo literatura, kreata kaj uzata komence nur de l'burĝa superaĵo de la nacio, kaj la popolaj dialektoj estas nutrataj ĉefe de kamparana medio, nur laŭgrade transformiĝanta sub la influo de la kapitalisma ekonomio.

La procedon de l' formigo de naci-literaturaj lingvoj oni povas observi en precipe instruivaj formoj en Sovet-Unio, kie vekiĝintaj por la nova vivo antaŭe subigitaj malprogresintaj popoloj nun rapidas atingi la nivelon de kulturaj nacioj, rapide konstruante siajn naci-literaturajn lingvojn aŭ finante la konstruadon. Eĉ en tiaj lingvoj, kiel, ekzemple, la ukrainia, kiu jam havas sufiĉe malnovan kaj vastan literaturon, nun estas farata laborego per kreado de ĝeneralaj kaj, precipe, teknikaj vortaroj, de fina prilaboro kaj reformo de l' ortografio kaj eĉ, kelkiome, de la gramatiko. Nome la supozata procedo de la "natura" (malkonscia) kreskado de reciproke komunaj elementoj en dialektoj kaj tiamaniera formiĝo de komuna por la nacio lingvo, ĉi-tie estas ĉiam grandmezure anstataŭita per la konscia ("arta") kreado.

Do, ni vidas, ke la procedo de "natura" evoluo, tiel ŝatata de multiuj, cedas grandparte la lokon por "arta" (konscia) kreagado ankoraŭ en pli frua kaj pli primitiva epoko de l' evoluo de popolaj dialektoj al nacilingvo.

Sed se naci-literaturaj lingvoj ne formiĝis per "natura" kresko de komunaj elementoj en popolaj dialektoj, eblas, ke nome la procedo de formiĝado de LI sur la grundo de naci-literaturaj lingvoj efektive karesas la mensojn de ŝatuloj pri ĉio "natura" per malkonscia formiĝado de komunaj internaciaj elementoj en modernaj naci-literaturaj lingvoj?

Ĉiu lingvo konsistas el du fundamentaj partoj: gramatiko kaj vortaro. La ĉefan signifon por formiĝo de LI havas la gramatiko. Kaj ni devas precipe substreki, ke la plej neŝanĝema parto en lingvo estas nome ĝia gramatiko. Ĝi estas plej malmulte subigata al ekstera influo kaj eĉ tiam, kiam en lingvo estas grandega kvanto da fremdaj radikvortoj, la gramatiko ofte konservas sian "purecon". Dum formiĝado de naci-literaturaj lingvoj la gramatiko, kiel ostaro de lingvo, plej multe estas efikata de la arta normigado. Ĉi-tion igis nome la ekstrema neŝanĝemeco kaj konservativeco de gramatiko.

Jam la eco de gramatiko sufiĉe klare refutas la opinion pri la "natura" formiĝeblo de LI per kreskado de reciproke komunaj elementoj en lingvoj.

Tamen ni observu la vortaron. Nome en ĝi estas observata la plej multa kvanto da ŝanĝoj. Kaj nome la observoj kutime opiniigas pri la formiĝeblo de LI per la pridiskutata vojo.

Multaj lingvoj, apartenantaj al komuna familio, havas tian grandegan similecon, ke la personoj, parolantaj ilin, plejparte povas kompreni unu aliun. Ekzemple, estas tre similaj kelkiuj lingvoj slavaj, romanaj, germanaj. La lingvoj, malgraŭ ilia ekstrema simileco (ne nur de vortaroj, sed ankaŭ eĉ de gramatikoj), per "natura" vojo ne miksiĝas, kaj eĉ, se en ili okazas iu alkresko de internaciaj vortoj, komunaj al tuta kultura homaro, ĉi kresko estas tiel eta kaj tiel nemulte ĝi aldonas al jam ekzistanta simileco, ke eĉ estas preskaŭ neeble paroli pri ilia "natura" kunligo.

Sed, se tre malfacile estas supozi la "naturan" kunligon de la lingvoj, tre similaj ne nur laŭ vortaro, sed, ni ripetas, eĉ laŭ gramatiko, kion do ni diru pri la lingvoj de nacioj, apartenantaj al tute fremdaj lingvaj familioj? La parteto de komuneco, enverŝanta ilin per internaciaj vortoj, estas tiel nesignifa (ni eĉ ne parolas pri esenca diferenco de gramatikoj kaj "spirito"),

ke estas tute ridinde paroli pri ilia *"natura"* kunligo, kvankam okazonta post jarmilo.

Tamen, oni parolas, ke tia malrapideco de la reciproka interpenetrado de lingvoj okazas nur nuntempe kaj ke la procedo treege rapidiĝos post la monda proleta revolucio. Ĉu tio signifas, ke naci-literaturaj lingvoj en la transira al socialismo epoko perdos rigidecon kaj konservativecon de siaj formoj kaj tradicio kaj komencos evolui same malkonscie, kiel popolaj dialektoj? Kaj kial tia paŝego malantaŭen? Allaŭ scias: ja ĉio-ĉi estas elpensaĵo nur por komplezi al la sankta "natureco"! Senkondiĉe, la transira al socialismo epoko estas epoko de efektivigo de LI, sed, se por kreo de naci-literaturaj lingvoj estis necesa granda parto da konscia ("arta") laboro, aliel dirante, lingva revolucio, do ĉu ne necesiĝos ĝi en la multfoje pli-granda grado dum la transiro al LI de duonartaj naci-literaturaj lingvoj? Kiun perturbegon postulos nur plisimpligo kaj unuigo de l' ortografio! Tre interese estus demandi adeptojn de l' teorio de "natura" lingva kunligo, kiel ili prezentas al si la "naturan" kunligon de gramatikoj precipe en *rapidigaj* kondiĉoj de la transira epoko! Laŭ mia opinio, la pli supera etapo de lingva evoluo estas karakterizata per ankoraŭ pli granda kresko de elementoj de konscieco ("arteco"), ol ni ĉi-tion havas en naci-literaturaj lingvoj kaj la necesa rapideco de l' formiĝo de LI estas la sekvo de ĉi-tio.

En la modernaj naci-literaturaj lingvoj kreskas certagrade internaciaj, precipe teknikaj vortoj. Kaj nun nin interesas la demando: ĉu la internaciiĝo de l' homara scienco kaj tekniko plenece respeguliĝas en la kresko de la kvanto de ĉi-vortoj? Kaj oni devas respondi nee. Malgraŭ ega internaciiĝo de la modernaj scienco kaj tekniko, la terminaro estas ellaborata kun grandega disiĝo en diversaj lingvoj per preno de terminoj ne nur el internacia provizo, sed, grandaparte, el aliaj fontoj. Estas tre grave signi, ke tie, kie ni havas plenan internaciiĝon de la terminaro, ekz., en medicino, antaŭ ni estas ne la lasta akiraĵo de ĝi, sed la malnova heredaĵo ankoraŭ de la latina Mezepoko. La internacieco de la terminaro en la fako de scienco, jam kompare bone progresinta ankoraŭ en la Mezepoko, estis konservita post la transiro de la latina lingvo al la naciaj lingvoj de Eŭropo kaj jam poste daŭris evolui internaciece, ĉefe laŭ la tradicio. Samtempe, kiel kontraston, ni havas la fakton: la terminaro en la kreataj nuntempe fakoj de tekniko kaj scienco tre ne konformas laŭ la grado de ĝia internacieco al ĉi-fakoj, jam internaciaj por ĉiuj 100%. Ekzemplo — la terminaro de avi-kaj radi-tekniko.

Ni ne povas ankaŭ ne atentigi pri jena fakto. Malgraŭ la kreskanta internaciiĝo de ĉiuj flankoj de l' vivo, dum la lastaj 200—300 jaroj oni vidas en multaj lingvoj (ekzemple, en germana kaj rusa) malaperon de la kvanto de tiel nomataj "alinaciaj" vortoj, prenitaj el la latina lingvo, kaj ilian anstataŭigon per la nacilingvaj. La multa kvanto da "alinaciaj" vortoj, lokigataj ankoraŭ nun en la vortaroj, estas jam fakte demortinta kaj anstataŭita de vortoj nacilingve-devenaj.

Precipe estas tre grave noti, ke eĉ tie, kie ni havas jam egparte internaciigitan terminaron, multaj derivaj vortoj kaj precipe vortoj, signifantaj agon, kvaliton, staton, kaj aplikataj speciale en tiu aŭ aliu scienca aŭ teknika fako kaj laŭ sia esenco tute internaciaj, estas formiĝintaj plejparte el nacilingva vortprovizo. Ekzemplo: en la rusa lingvo estas internaciaj vortoj — "aviado", "aeroplano" ktp., sed "piloto", "alteriĝi", "malaltiĝi" k. s., malgraŭ tuta internacieco de ĉi-konceptoj, estas formiĝintaj nacilingve. Ankoraŭ ekzemplo el elektro- kaj radio-tekniko: en rusa lingvo ankaŭ estas formiĝintaj nacilingve tiaj vortoj, kiel — ricevilo, brodkasti, kurento, sparko, valvo, komutilo ktp. — amaso da aliaj vortoj, laŭ sia koncepto tute internaciaj.

El ĉiuj ekzemploj kaj konsideroj ni vidas, ke, se en la modernaj naci-literaturaj lingvoj kreskas en iu grado la kvanto da internaciaj vortoj, ĉi-

kresko *tute ne konformas al kresko de internaciiĝo de l' scienco kaj tekniko, kaj tre ofte eĉ kontraŭdiras al li.*

Sed povas esti, ke en ĉi-fakto ni havas la kutiman postrestadon de l' ideologio post la ekonomio? Ja multiuj miksas la ilon de l' ideologio kun la ideologio mem. Ni devas diri, ke estas tute ne eble atribui similan postrestaton al lingvo. Ni devas memori, ke lingvo estas *ilo* de pensado. Se ĝi *tiel aŭ aliel* ne respegulos en si novajn akiraĵojn de l' kulturo, t. e. ne povos ilin esprimi ti- aŭ ali-maniere, kiel do ili estos perceptotaj de l' homo? *Ĉiu, la plej eta, akiraĵo de la homa kulturo nur tiam fariĝas la fakto, kiam oni ĝin povas esprimi per la lingvo. Tial evoluo de l' lingvo ĉiam koincidas kun evoluo de l' kulturo.*

Sed ĉiu nova konkero de l' kulturo, plenece havanta internacian karakteron kaj komprenon, *teknike* estas esprimata en la lingvo per plej diversaj manieroj (aliel en aliuj lingvoj): ĉi-tie estas vortoj internaciaj, vortoj, prenitaj el iu-ajn fremda lingvo, vortoj, elpensitaj sur la nacilingva bazo, vortoj malnovaj, sed prenitaj kun ŝanĝita senco, krom tio priskribaj grupoj da vortoj ktp., depende de multaj kondiĉoj en formiĝo de novaj vortoj en viva lingvo (naci-literaturaj lingvoj malgraŭ sia parte arta fundamento estas vivaj lingvoj kaj tial evoluas grandmezure laŭ la samaj leĝoj, kiel la popolaj dialektoj).

Tiamaniere ni havas la jenan kontraŭdiron: De unu flanko, pro internaciiĝo de l' tuta vivo, en la lingvo konstante kreskas la kvanto da komunaj, *internaciaj konceptoj*. Ĉiu malprogresinta popolo, ekzemple, aliĝante al la moderna kulturo kaj formiĝante sian naci-literaturan lingvon, ensorbas kvantegon da ĉi-internaciaj konceptoj, precipe tiuj, kiuj koncernas ekonomion, sciencon, teknikon, arton. Tiel, oni povas diri, *la pensado de nacioj internaciiĝas*. Nuntempe la grado de tiuspeca internaciiĝo de pensado ĉe kulturaj nacioj estas grandega kaj senĉese pli kreskas.

De dua flanko, arkaika strukturo de modernaj lingvoj, formiĝintaj ankoraŭ en la epoko de praa ekonomio kaj havantaj milojn da siaj individuaj distingaĵoj, krom tio ekstrema konservativeco de l' lingva tradicio, kaj egmezure malkonscieco de l' evoluo, — ĉio-ĉi kondukas al tio, ke internaciiĝo de l' pensado estas *teknike* esprimata en la lingvoj treege diversece, depende de multegaj kondiĉoj. Ĉe formiĝo de novaj vortoj, respegulantaj konceptojn de l' internacia karaktero, ni havas la vicon da manieroj de ilia formiĝo (rig. iomete pli supre). Internaciaj laŭsence konceptoj akiras teknike ankaŭ internacian formon nur en iuj okazoj kaj nur parte pro ilia internacia karaktero, sed grandparte pro diversaj teknikaj kondiĉoj de formiĝo de novaj vortoj en la lingvo.

Tial oni povas konkludi, ke sub influo de l' internaciiĝo de l' ekonomio, kaj sur ĝia bazo internaciiĝo de l' tuta kulturo, kun la sama nedekliniĝo kaj en la sama tempolimo internaciiĝas la pensado. La internaciiĝo de la lasta teknike respeguliĝas sur la modernaj naci-literaturaj lingvoj treege anarkie kaj *nur parte* per la kresko de tiel nomataj "alinaciaj" vortoj. Neebleco por la modernaj lingvoj (pro ekstrema arkaikeco de ilia strukturo, pro konservativeco de l' tradicio kaj pro anarkieco ["natureco"] de l'evoluo) respeguli siatempe kaj plenece internacian karakteron de la moderna pensado, kreas tiun kontraŭdiron, la eliro el kiu estas *nur la lingva revolucio, t. e. la konscia enmiksiĝo de la racio.*

De tio sekvas la loko en la lingva evoluo de HLI, kiel la lingvo, kies karaktero, formiĝmaniero kaj strukturo estas preparitaj per la tuta antaŭiranta lingva historio. Ĝi plenece deflankigos la notitan kontraŭdiron kaj konformos al la nova ŝtupo de l' evoluo de la produktivaj fortoj kaj produktadaj rilatoj, al la transira al socialismo epoko.

En la sekvonta (lasta) ĉapitro estos donita la skizo pri la etapoj de la lingva evoluo kaj ilia karakterizo.

# KIEL NASKIĜIS LA SCIENCO?

*A. LUNAĈARSKI*

Kio estas la scio?

La scion povas havi ne nur la homo. Ni diras ankaŭ, ke la hundo *scias* sian mastron. Ni diras ke araneo *scias* plekti sian araneaĵon, kaj la abeloj *scias* konstrui mielĉelarojn. Kaj por tiaj kapabloj estas kvazaŭ necesaj multaj scioj.

Tamen, trolarĝigi la regionon de fenomenoj, nomeblaj *scioj,* ne decas. Ĉu ni povas, ekzemple, diri ke la plantoj *scias* kiam komencos printempo kaj ĝuste antaŭ tiu tempo disvolvigas siajn folietojn? — Ne, ĉi-tie kvazaŭ funkcias komplika mekanismo. La printempa veterŝanĝo per si mem senpere elvokas difinitajn fenomenojn en la interno de l' plantoj. Sed, ekzemple, ĉu la migrantaj birdoj, forflugantaj aŭtune al varmaj landoj, *scias* pri la neceseco de tia formigro? — Efektive, inter ili estas pli spertaj birdoj, kiuj dum sia vivo ion ellernis pri migradoj. Tamen, estas klare ke ĉi-tie ni rimarkas ne *scikonon,* ne tion ke ĉiu birdo malkovris la necesecon de malproksima formigrado, ne tion ke oni ĉi-tion instruis al ĝi, sed nevenkeblan instinkton, kiu efikas same kiel la forto, kiu devigas printempe ŝveli la burĝonojn de l' plantoj.

La respondon de iu ekzistaĵo je ia el-ekstera efiko, oni nomas en la scienco — ties reakcio kontraŭ ĉi efiko. Jam ĉi reakcio estas celkonforma t. e. utila por la organismo. Eĉ la plej primitivaj ekzistaĵoj, videblaj nur per mikroskopo, ekkaptas la nutraĵon, kiam ĝi proksimas, ruliĝas je buleto aŭ malproksimiĝas ĉe detruivaj interpuŝiĝoj.

Sed ni ne konkludas el tio ke, ekzemple la eta amebo — kiu laŭ sia strukturo estas pli simpla kaj malperfekta, ol kiu ajn planto, — scias ion pri la nutraĵo kaj siaj amikoj. Ties reakcio similas la reakcion kemian, kiu havas kiel kaŭzo la kemian konstruon de l' korpo kaj ties strukturon. Ĝiaj agoj rezultas el tio, kaj neniuj imagoj, neniu konscio, similanta la nian, ilin akompanas.

Pli komplika estas la demando pri insektoj. Iuj skaraboj, ekzemple, izolitaj de l' momento de ilia naskiĝo kaj poste metitaj en la duondetruitan neston de iu samspeca skarabo, komencas tre lerte ĝin ripari. Se tia skarabo konstruus tutan neston dekomence, ni ankoraŭ eblus diri, ke ĉi-tie agas ekskluzive la instinkto, ke la skarabo, estu tiel dirite, sendube aŭtomate faras ĉiujn movojn, kontenatajn jam en ĝia naturo; sed ni vidas, ke la skarabo ĉirkaŭkuras la neston, palpas, pasas preter la nedifektitaj lokoj; haltiĝas ĉe la difektitaj, forkuras el la nesto, serĉas materialon, revenas kaj konstruas. Estas klare ke ĝi dume sufiĉe ĝuste konscias ĉion okazantan.

— Ĉu oni povas diri ke la skarabo scias tion?

— Kaj jes, kaj ne.

Kiam iu ekzistaĵo ĝuste reagas je iu renkontita de ĝi fenomeno, ni demandas nin: ĉu tiel estas ĉar ĝi agas simple laŭ la fiziko-mekanikaj leĝoj de sia organismo, aŭ ĉu konscie? Kaj sub *konscio* ni konceptas ke ĉi ekzistaĵo eksentis ĉi-efikon, eksciis ĝin t. e. trovis en sia memoro ĝian imagon, kaj konjektis ke je ĝi necesas respondi tiel aŭ alimaniere.

Kiel do povas skarabo, izolita de l' naskiĝo kaj neniam havinta sian neston, trovi ties imagon en sia memoro?

Ĉi-tie do evidentiĝas ke inter la reakcioj fizikaj kaj kemiaj (aŭ, parolante pri vivaj ekzistaĵoj: fiziologiaj), alvenantaj *nepre,* okaziĝeblaj sen iu konscio, kaj inter la agoj memvolaj, konsciaj, ne estas abismo.

Jes. Ĉi skarabo ne povas trovi en sia "persona" memoro imagon pri nesto. Sed ĝiaj avoj, dum miljaroj tiajn nestojn konstruadis. Ĝi serĉas ĉi imagon en la memoro de sia speco. Kaj ĉi memoro kuŝas en ĝia organismo mem.

Laŭesence ĉiuj organoj de nia korpo estas *materiiĝinta memoro.* Komkompreneble ni "ellernis" mastri kudrilon aŭ ludi gitaron, sed por tio antaŭ ĉio estas necesa mano kun kvin fingroj, kun ĉiuj tien-ĉi rilatantaj ostoj, muskoloj, nervoj ktp., kaj tian manon ni heredis. Ĝi ellaboriĝis malrapide el la besta piedo.

Tiamaniere, heredinte sian korpon de l' avoj, nia skarabo heredas ankaŭ ilian etan "animon" (t. e. la kolektitan sperton). Kiam ĝi naskiĝas, kiam komencas bruleti ĝia eta vivo, ĝi tuj jam scias ĉion, kion scias ĉiu pliaĝa skarabo. En ĝia sperto tio forestas, sed la tuta sperto de ĝiaj praavoj kvazaŭ kristaliĝis en ĝiaj nervo-cerbaj centroj, kaj tuj ekbrulis kiam apenaŭ elŝeliĝis la skarabo el sia krizalido.

Kiam ni diras: "la hundo bone scias sian mastron", estas klare ke tio jam estas io tute alia. Ĉiu abelo scias konstrui mielĉelaron, sed ne ĉiu hundo konas difinitan personon. La abelo havas siajn sciojn de l' unua tago de sia ekzisto. Sed la hundo akiras la sciojn: hieraŭ ĝi eble vin ne konis, sed hodiaŭ vin konas kaj amas. Do ni ĉi tie observas pliriĉiĝon de l' memoro, sia-specan personan sperton.

Ofte la animalo naskiĝas plenpreta. Ĉu ne mirigis vin la kokido kiu, eloviĝinte, tuj komencas bekpinĉi grenon.

Kun plej altevoluaj animaloj okazas ne tiel: iun tempon ili restas en plena senpoveco kaj multon devas ellerni denove.

Pleje tio rilatas la homon: longan tempon estas tute senpova la homido. Ĝi ne scias ne nur marŝi, sed eĉ ĝuste ion ekpreni per la maneto, direkti la okulon kien necesas. Ĝi posedas nur duonvegetalajn funkciojn: nutriĝon, spiradon, ktp. Ĝi estas kvazaŭ tute senskribaĵa paĝo, kaj la viva sperto devas do ĉion skribi sur ĝi denove.

Tiel efektive estas. Ju pli malalte *(en sia evoluo, Trad.)* estas la animalo, des pli ĝi estas inerta. Sian tutan "animon" ĝi ricevas kun la korpo; ĉion, kion ĝi bezonas, ĝi scias per la malklara konscio de l' instinkto, *definita* tamen en la agoj; ju pli alta ĝi estas, des pli grandan rolon ludas la konscio t. e. la elasta, konstante moviĝanta, kreiva reagado je la el-eksteraj efikoj. La homo, malpli ol ĉiuj animaloj, estas sklavo de l' heredita korpo. Ĝi estas pli ol ĉiuj elasteca en siaj respondoj al ĉio renkontata de ĝi: plej gravan rolon ludas ĉe ĝi la sperto, akirita de ĝi, lumigita per serena konscio: memoro, diversaj kombinaĵoj de l' iam sentito, kapablo streĉi la atenton al iu unu flanko de iu fenomeno, kapablo — ni tiel esprimu — lumigi, kolekti la similon el diversaj objektoj kaj kunmeti tutajn konjektojn pri ili: ligno ĝenerale, fajro ĝenerale, ktp.

Izolajn objektojn kaj ideojn li nomas per iu vorto kaj povas tiamaniere transdoni, per diversaj kombinaĵoj de tiuj vortoj, siajn sciojn pri objektoj al alia homo.

Se la homido devus zorgi pri si mem, eĉ dum tia aĝo, kiam ĝi povas memstare marŝi, ĝi pereus. Ĝi pereus jam tial ke ĝi ne kapablas unufoje akiri la tutan sperton, kiun ĝi bezonas por la ekzistado; kontraste je aliaj animaloj, ĝi herede ricevas tro malmulte da scioj. Sed helpe al ĝi venas la lingvo, la dialekto.

Se la animalo ricevas herede la sciojn de siaj praavoj kun la korpo, la homo ricevas ankaŭ la tutan trezorujon de l' estinta sperto per la rakontoj, per la instruado de l' pliaĝuloj al junuloj.

Kio estas la scienco?

En la plej larĝa senco *oni povas nomi scienco ĉiujn sciojn, kiuj akiriĝas per persona sperto, sed ne estas heredataj. La sciojn, hereditajn kune kun la korpo ni nomas instinktoj.* La infano lernas paroli. Por ĝi tio estas scienco je la plena senco de l' vorto, ktp.

Ĉion, kion la homo vidas, aŭdas, ĝenerale travivas kaj memoras, oni povas lokigi en la regionon de l' scienco.

Tamen, la homo memoras ne ĉion. Aliel ĝi ŝtopus sian konscion per amaso da malnecesaĵoj. La homo scias ankaŭ forgesi. Kaj ĉi-kaze tiu homo estas pli adaptebla al ĉiuj okazintaĵoj, kiu forgesos nur la malnecesaĵon, kaj la bezonaton memoros. Kiam patro instruas al sia filo la saĝon, li el ĉio memorata elektos nur la plej necesan kaj, krome, rakontos ĉion sisteme, ordigite, t. e. tiamaniere, ke ĉion estu facile rememori kaj ke konstante la nekonato baziĝu sur la jam konato kaj la komplikito sur la simplo.

Jen tial ni trovas pli precizan determinon de l' scienco: *Scienco oni nomas la akiritan sperton, purigitan* el ĉio sensignifa kaj okaza, *ordigitan, konkordigitan, sistemigitan.*

Por la kreo de sia scio la unua tasko de l' homaro estis, tiamaniere, *kolektado de l' materialo.* Komence ĝi kolektiĝis nur per la senpera sperto: ĉiuj travivaĵoj estis por ĝi materialo. Poste la homoj ekzerciĝis speciale observadi, atente pririgardi difinit-specajn fenomenojn; difinitan ĉenaron da kialoj kaj rezultoj, kaj, fine, ili alvenis al la kapablo fari artajn eksperimentojn t. e. devigi la fenomenon esplorendan okaziĝi en tiaj cirkonstancoj, kiuj estas la pli oportunaj por la esploro.

La senpera sperto, la penega observado kaj la eksperimento — jen la ĉefaj ŝtupoj de l' material-kolektado. Paralele kun tio iras alia laboro: la prilaboro de tiu materialo. La homo grupigas sian sperton, laŭ la simileco kaj la diferenco, li kvazaŭ dismetas, disportas en diversajn ejojn de sia konscio, en diversajn ĉambrojn, diversajn ŝrankojn, sur diversajn bretojn... Tio nomiĝas *klasifiko.*

Sed la homo ne simple dismetas la faktojn tra diversaj ĉeloj. Li penas ilin klarigi t. e. serĉas la kialojn de ĉiu okazintaĵo kaj rapide kialoj elvokas samajn rezultojn. Tio permesas al li konstati la leĝojn de l' naturo kaj antaŭdiri la okazontaĵojn.

Posedante difinitan materialon kaj sciante la leĝojn, kiuj elvokas la okazintaĵojn, la homo povas ofte fari siajn proprajn konkludojn: konjektojn. Ekzemple, sur la bazo de l' observito el la movadoj de l' tero, suno kaj luno, li povas fari la konkludon ke je difinitaj jaro, tago, horo, minuto okazas lun-eklipso ktp.

*Kiam la homo, sur la bazo de tuta serio da faktoj, faras ĝeneralajn konkludojn, formuligas iun leĝon, tio nomiĝas metodo induktiva. Kiam per la jam, akiritaj ĝeneralaj formuloj li klarigas al si la kaŭzon de difinita fakto, antaŭdiras ĝin ktp., tio nomiĝas metodo deduktiva.*

Sed la homo ne limiĝas ĉe la sistematizo de l' scioj post ilia kolektado.

Vidu iun sovaĝulon, eĉ plu — siaspece altkulturan praegiptanon, aŭ fin-fine nian pastron, kursfinintan ĉe seminario aŭ eklezia akademio, — li kredas, ekzemple (aŭ nun ŝajnigas ke li kredas, sed antaŭe kredis), ke pro diservo aŭ akvosanktigo povas aliiĝi io en la mondo! Tutan multegon da ceremonioj, diversaj ritaĵoj, sorĉado, ofte plej groteskaj, absurdaj kaj malutilaj, kolektis la homaro, opiniante ke ti-ĉiuj reakcioj estas celkonformaj, baziĝas sur la sperto, *ke kvazaŭ tio estas scio.*

Nur laŭgrade la homo komencis peni revizii la kolektitajn de li materialon kaj konjektojn, kontraŭstarigante ilin unu al alia, kritiki, purigi sian sperton.

*Scienco nomiĝas tiu scio, kiu baziĝas sur kritike — reviziita materialo kaj ĉie-aplikeblaj konkludoj,* t. e. tiom klaraj, ke neniu eblu dubi je ilia ĝusteco, samkiel neniu malkonsentas, ke duoble du faras kvar.

Laŭmezure de tio ke konstruiĝas tiu kritikereviziita scio, la homo forĵetas superstiĉojn, kaj la lokon de l' magio kaj ritoj okupas la scienca tekniko t. e. la agoj kaj kreado, kiujn direktas la veraj precizaj scioj.

Nia vivo fariĝas pli kaj pli scienca.

La kritiko per sia akrigita martelo rompas en nia sperto ĉion efemeran kaj forĝas la utilan kaj fortan.

La homaro kolektas pli kaj pli da sperto, plej ofte ĝin kribras, pli kaj pli bone organizas kaj per tio akiras pli kaj pli perfektan teknikon t. e. pli kaj pli veran potencon super la naturo.

Sed ankaŭ la scio kaj tekniko trafis en la manojn de nemultaj ekspluatistoj, utiligantaj ties fortojn por sklavigi la plejmulton.

Tamen la scienco elŝiriĝas el tiuj palpiloj de l' oktopodo. Al ĝi ne konvenas esti la servisto de l' ekspluatistoj. Libera, ĝi diras: "La celo de l' vivo estas feliĉo kaj kreado. La homo devas esti mastro de l' naturo kaj li tia fariĝos kiam la bataladon inter nacioj kaj klasoj anstataŭas la laŭplana organizo de ĉiuj frataj fortoj de l' homaro". La scienco parolas nedeflankeble por la socialismo, ĉar socialismo estas scienca viv-ordo, ordo kiu same konformas al plej alta mezuro da feliĉo kaj kreado de l' homo, kiel bona maŝino konformas al sia tasko.

La privilegiaj klasoj ŝatas la sciencon, kiam ĝi servas al ili, kaj malamas ĝin, kiam ĝi parolĵetas al ilia vizaĝo verojn — detruivajn por ili. — Sed la subjugitoj, ekribelantaj kaj venkontaj, scias ke ne estas kaj ne povas esti pli forta uniano ol la scienco.

Inter la scienculoj estas multe da sklavoj, pretaj prostitui siajn sciojn al ĉiu potenculo aŭ riĉulo, aŭ definitive algluiĝintaj al la privilegiaj klasoj.

Sed estas ankaŭ malfalsaj adeptoj de l' vero, tiuj scias ke la scienco estas plenlibera kaj je la tuta larĝeco disetendos siajn belegajn ardantajn flugilojn nur tiam, kiam liberaj estos ĉiuj homoj. *(Esp-igis V. K.)*



# INSEKTIVORAJ (insektojn-manĝantaj) PLANTOJ

Plantoj estas vivaj estaĵoj, kiuj sin povas nutri kaj plimultigi, sed ne havas la povon senti[1]) kaj laŭvole movi sin.

Ĝenerale ili nutras sin per nutrosubstancoj akiritaj per ilia radikaro el la tero kaj per azoto[2]) enspirita per iliaj verdaj folioj el la ĉirkaŭa aero.

Ekzistas ankaŭ plantoj, kiuj ne prenas sian nutraĵon el la tero kaj aero, sed kiuj elsuĉas la vivsukojn el aliaj plantoj, sur kiuj aŭ en kies proksimeco ili kreskas. Ĉi tiujn oni nomas parazitoj.

Sed alia tre kurioza plantospeco estas la speco de la tiel nomataj insektojn-manĝantaj plantoj (Insektivoren), kiuj se ne tute, tamen parte nutras sin per insektoj kaj similaj bestetoj, kiujn ili kaptas per specialaj kaptorganoj, digestas kaj ensuĉas.

Simpla kaj malgranda reprezentanto de ĉi tiu speco estas la Drozero (Drosera rotundifolia kaj Drosera longifolia), planteto trovata sur la torfecaj kaj erikejaj grundoj en Norda kaj Meza Eŭropo.

La Drozero havas sur siaj ruĝetaj folietoj malgrandajn tentaklojn[3]), harsimilajn glandetojn, kiuj eligas brilan, gluan fluidaĵon. Kiam nun malgranda insekto allogata de brilaj mielsimilaj gutetoj de ĉi tiu ekskreciaĵo[4]) tuŝas la tentaklojn, ĝi estas tenata de la gluaĵo; la tentakloj turnas sin internen super la insekton kaj ĉi tiu estas kaptita! Post la morto de la besteto la tentakloj eligas pepsinsimilan[5]) fluidaĵon, kiu baldaŭ tute malkomponas la korpeton de la insekto, escepte la malmolaj partoj. La malkomponita kadavro estas ensuĉata kaj servas kiel nutraĵo. La tentakloj ree malkliniĝas, eligas ree la brilan, gluan fluidaĵon, kaj la postrestaĵoj estas forblovataj de la vento.

Malpli konata ol la Drozero estas la Utrikularo (Utricularia minor), kiu kreskas en la akvo. Ĉi tiu planteto havas kuriozajn vizikformajn kaptorganojn. Ĉi tiuj viziketoj havas ĉe la enirejo klapon[6]), kiu malfermiĝas nur internen, tiel ke la malgrandaj akvobestetoj, kiuj eniras ĝin, ne plu povas eliri. Ili povas resti kelkan tempon vivanta el la malliberejo, sed fine ili mortas, la korpo solviĝas kaj estas ensuĉata de la kvarbranĉaj haretoj, kiuj kovras la internan haŭton de la viziketo.

Ekster Eŭropo oni trovas i. a. la Nepenton (Nepenthes). Ĉe ĉi tiu planto estas parto de la folio transformiĝinta en kruĉforman ujon kun speco de kovrilo. La rando de la kruĉo eligas dolĉan sukon, kiu allogas la insektojn. Suĉante la sukon ĉi tiuj glitfalas laŭ la glatan vandon[7]) en la kruĉon kaj dronas en la tie troviĝanta fluidaĵo. Samtempe la glandetoj sur la fundo de la kruĉo komencas eligi sukon, kiu plirapidigas la digeston kaj solviĝon de la kaptaĵo. Kompreneble la solvita kadavro servas kiel nutraĵo. Ĉe ĉi tiu planto oni konstatis, ke nur tiam ĝi produktas bonajn semojn, kiam ĝi estas nutrata per karnonutraĵo.

Fine ni nomu ankoraŭ la Dionaeon (Dionaea muscipula), kiu vivas en Carolina (Karolina), Nordameriko. La folioj de ĉi tiu kreskaĵo konsistas el du moveblaj duonoj. Ĉi tiuj duonoj povas proksimiĝi unu al la alia, same kiel la du partoj de ĉarniro. Iliaj randoj estas kovritaj per vico da rigidaj haroj. Krome troviĝas sur ĉiu duonoj tri t. n. "harbrosoj". Se insekto aŭ ia albuminon[8]) enhavanta korpo tuŝas unun el ĉi tiuj brosoj, tiam la du duonoj rapide movas sin unu al la alia kaj enfermas la insekton. Forkuri ne estas eble. Dum 4—6 tagoj la folio restas fermita, dum kiuj la kaptaĵo estas solvata kaj ensuĉata. Poste ĝi ree malfermas sin.

Oni konas nuntempe proksimume 400 specojn da insektivoraj plantoj.

*Kompilis kaj tradukis: G. P. de Bruin.*
*Trarigardis kaj korektis: Willy Thielking.*

---

[1]) Ĉi tio estas ĝusta nur ĝenerale: ekzistas tamen plantoj, kiuj havas lumsentemecon (Tradescantia) kaj tuŝsentemecon (Mimosa pudica); [2]) azoto = unu el la du ĉefaj gasoj, el kiuj konsistas aero — ankaŭ: nitrogeno; [3]) tentaklo = nomo de iaj moveblaj apendicoj, kiujn havas iaj animaloj, kiel la polpoj, kaj kiuj servas kiel-palpaj kaj prenaj organoj (apendico = organa parto fiksita sur ĉefa organo); [4]) ekskrecii = eligi substancojn produktitajn de iaj organoj; [5]) pepsino = fermento de la digesta suko de l' stomako; [6]) klapo = kovraĵo por enlasi ion internen kaj malhelpi ĝin eliĝi kaj inverse; [7]) vando = muro; [8]) albumino = organika substanco, kiu formas la blankon de ovo kaj el kiu grandparte konsistas la korpo de bestoj kaj vegetaĵoj.

 **PEDAGOGIO** 

# INTEGRA INSTRUADO

*M. BAKUNIN*[1])

**Instruado de l' futuro (estonteco)**

La instruado ĉiugrada devas esti egala por ĉiuj, sekve ĝi devas esti integra, t. e. ke ĝi devas prepari ĉiun infanon de la du seksoj same bone por la vivo de l' penso kiel al tiu de laboro, por ke ĉiuj povu estiĝi homoj kompletaj.

La pozitiva filozofio[2]), detroniginte en la spiritoj la religiajn fablojn kaj la metafizikajn elpensaĵojn, permesas al ni antaŭvidi tion, kia devas esti en la vekonto la scienca instruado. Ĝi havos la ekkonon de l' naturo kiel bazon kaj la sociologion kiel kronaĵon. La idealo, ĉesinte esti la dominanto de l' vivo kaj rompanto de ĝia regalesto, kia ĝi estas ĉiam en la metafizikaj kaj religiaj sistemoj, estos denun nur la lasta kaj la plej bela esprimo de la reala mondo. Ĉesante esti revo, ĝi mem fariĝos realaĵo.

Ĉar neniu menso, kia ajn multepova ĝi estus, kapablas enpreni ĉiujn sciencojn en iliaj specialecoj, kaj aliflanke, ĉar ĝenerala kono de ĉiuj sciencoj estas absolute necesa por la kompleta disvolviĝo de la spirito, la instruado nature dividiĝos je du partoj: la parto ĝenerala, kiu donos la ĉefajn element-ojn de ĉiuj sciencoj sen iu escepto, samkiel la konon, ne supraĵan, sed realan, de ilia tutaro; kaj la parto speciala, necese dividita je pluraj grupoj aŭ fakoj, el kiuj ĉiu ampleksos iun nombron da sciencoj en la tuta specialeco ilia, la sciencojn, kiuj laŭ sia naturo mem interkompletigas sin.

La unua parto, la parto ĝenerala, estos nepra (deviga) por ĉiuj infanoj; ĝi formos, se ni povas tiel nin esprimi, la homecan edukon de ilia spirito, plene anstataŭante la metafizikon kaj la teologion, samtempe starigante la infanojn sur vidpunkton sufiĉe altan por ke, atinginte poste la adolesk-aĝon, ili povu plenkonscie elekti la specialan fakon, kiu plej bone konformos kun iliaj individuaj inklinoj, kun iliaj gustoj.

Okazos sendube, ke, elektante sian sciencan fakon, la adoleskuloj, influitaj de iu motivo flanka, ĉu ekstera, ĉu eĉ interna, eraros kelkiam; ke ili povos elekti komence fakon aŭ profesion, kiuj ne estos precize ti-kiuj plej bone konvenos al iliaj kapabloj. Sed ĉar ni estas, ni, ne hipokritaj, sed sinceraj amikoj de *individu-libero;* ĉar, je la nomo de ĉi-libero, ni mal-ŝategas tutkore la principon de aŭtoritato, samkiel ĉiujn eblajn manifestaĵojn de tiu-ĉi dieca, anti-homeca principo; ĉar ni malŝategas kaj kondamnas, el la tuta profundo de nia amo por la libero, la patran aŭtoritaton samkiel tiun de l' lerneja instruisto; ĉar ni opinias ilin egale senmoraligantaj kaj pereigaj, kaj ĉar la ĉiutaga sperto pruvas al ni, ke la famili-patro kaj la lerneja instruisto, malgraŭ sia nepra kaj proverbiĝinta saĝo, kaj eĉ pro tiu saĝo,

---

[1]) Fino. Vidu "S. R.", n-o 1/2 (37/38), p. 26—30.

[2]) Sub tiu-ĉi esprimo "pozitiva filozofio" Bakunin tute ne komprenas la *pozitivismon* aŭ *Comte'ismon,* kies mankojn li bone montris en sia verko *Filozofiaj konsideroj pri la dia fantomo, pri la reala mondo kaj pri l' homo (Considérations philosophiques sur la fantôme divin, sur la monde réel et sur l' homme),* presita en la III volume (de la franca eldono) de lia *Verkaro.* Li volas paroli pri la scienca filozofio ĝenerala, kiu apogas sin sur la ob-servado kaj eksperimentado. — *Noto de James Guillaume.*

eraras pri la kapabloj de iliaj infanoj ankoraŭ pli facile ol la infanoj mem; kaj ke, laŭ la tuthoma leĝo, leĝo nekontestebla, fata, ke ĉiu homo reganta nepre misuzas sian povon, la lernejaj instruistoj kaj la famili-patroj, arbitre determinante la estonton de l' infanoj, multe pli demandas siajn proprajn gustojn ol la naturajn tendencojn de l' infanoj; ĉar, fine, la eraroj faritaj de l' despotismo estas ĉiam pli malutilaj kaj malpli ripareblaj ol tiuj faritaj pro la libero, — ni subtenas plene kaj tutece, kontraŭ ĉiuj oficialaj, neoficialaj, patraj kaj pedantaj zorgantoj de l' mondo, la liber-rajton de l' infanoj elekti kaj determini sian propran vivo-vojon.

Se ili eraros, la eraro mem de ili farita servos al ili kiel efikiva instruo por la venonto, kaj ĉar la ĝenerala instruitesto, kiun ili estos ricevintaj, servos al ili kiel lumilo, ili povos facile reveni sur la vojon, kiu estas al ili indikita de ilia propra naturo.

La infanoj, kiel la homoj maturaĝaj, fariĝas saĝaj nur pro la spertoj de ili mem akiritaj, sed neniam pro alies spertoj.

En la integra instruado, apude kun la instruado *scienca* aŭ *teoria*, devas nepre esti instruado *industria* aŭ *praktika*. Nur tiamaniere formiĝos la homo kompleta: laboristo komprenanta kaj scianta.

La industria instruado, paralele kun la instruado scienca, dividiĝos kiel ĝi je du partoj: la instruado ĝenerala, ti-kiu devas doni al la infanoj la ĝeneralan ideon kaj la unuan praktikan konon pri ĉiuj industrioj sen iu escepto, samkiel ankaŭ ideon pri ilia tutaro, kiu formas la civilizon kiel materialon, la tutaĵon de l' homara laboro; kaj la parto speciala, dividita je grupoj da industrioj pli speciale ligitaj inter si.

La ĝenerala instruado devas prepari la adoleskulojn por libere elekti la specialan industri-grupon kaj inter la ĉi-lasta la industrion tute specialan, por kiu ili sentos sin plej inklinhavaj. Enirinte ĉi-tiun duan fazon de l' industria instruado, ili pasos sub la gvido de siaj instruistoj la unuan lernadon de serioza laboro.

Apude kun la instruado scienca kaj industria nepre estos ankaŭ praktika instruado, aŭ pliĝustadire intersekva serio da praktikadoj de moralo ne dieca, sed homeca. La moralo dieca estas fondita sur du senmoralaj principoj: respekto al aŭtoritato kaj malŝato al la homaro. La homeca moralo, male, fondiĝas nur sur malŝato al aŭtoritato kaj sur respekto al libero kaj al la homaro kaj homeco. La dieca moralo konsideras laboron kiel malnoblaĵon kaj kiel punon; la homeca moralo vidas en ĝi la plej superan kondiĉon de homa feliĉo kaj homa digno. La dieca moralo, pro necesa konsekvenco, finkondukas al politiko, kiu rekonas la rajtojn nur al ti-kiuj povas pro sia ekonomie privilegiita situo vivi ne laborante. La moralo homeca lasas ĉi-rajtojn nur al tiuj, kiuj vivas laborante; ĝi rekonas ke nur per laboro la homo estiĝas homo.

**Edukado kaj libero**

L' infan-edukado, prenante kiel deiro-punkton l' aŭtoritaton, devas laŭgrade finatingi la plej plenan liberon. Ni komprenas sub libero, el la vidpunkto pozitiva, plenan malvolviĝon de ĉiuj kapabloj, kiuj troviĝas en la homo, kaj, el la vidpunkto negativa, plenan nedependon de ĉies volo rilate al la volo de aliulo.

La homo tute ne estas kaj neniam estos libera rilate al la naturleĝoj, rilate al la soci-leĝoj; la leĝoj, kiujn oni tiamaniere dividas en du kategorioj por pli granda oportuno de l' scienco, en la realo apartenas nur al sola kaj sama kategorio, ĉar ili ĉiuj estas egale natur-leĝoj, leĝoj fataj, kiuj estas la bazo kaj la kondiĉo mem de ĉia ekzisto, tiel ke neniu viv-estaĵo povus ribeli kontraŭ ili ne mem mortigante sin.

Sed oni devas bone distingi ĉi-naturleĝojn de la leĝoj aŭtoritatecaj, arbitraj, politikaj, religiaj, kriminalaj kaj civilaj, kiujn la privilegihavaj klasoj estis starigintaj en la daŭro de l' historio, ĉiam por la interesoj de l' ekspluatado de la laboro de l' laboristaj masoj, kun la sola celo — ligi la liberon

de ĉi-masoj, la leĝoj, kiuj, sub preteksto de fikcia moraleco, ĉiam estis fonto de la plej profunda malmoralesto. Do, obeado nevola kaj neevitebla al ĉiuj leĝoj, kiuj, estante nedependantaj de ĉia homa volo, estas la vivo mem de l' naturo kaj de la socio; sed nedependo absoluta plejeble de ĉiu rilate al ĉiuj pretendoj de komando, rilate al ĉiuj homaj voloj, kiel kolektivaj, tiel individuaj, kiuj dezirus altrudi ne sian naturan influon, sed sian leĝon, sian despotismon.

Lá natura influo de la homoj iuj je l' aliuj, ĝi estas ankoraŭ unu el ĉi-kondiĉoj de l' socia vivo, kontraŭ kiuj ribelo estus same malutila kiel neebla. Tiu-ĉi influo estas la bazo mem, materia, intelekta kaj morala, de la homara solidaresto. La homa individuo, produkto de l' solidareco, tio estas de la socio, tute restante submetita al la naturleĝoj, povas tamen, sub la influo de sentoj venintaj elekstere, ĉefe el fremda socio, reagi kontraŭ ĝi ĝis certa grado, sed li ne povus eliri el ĝi ne metante sin tuj en aliun solidaran medion kaj ne subiĝante tuj al novaj influoj. Ĉar por homo la vivo ekster ĉia socio kaj ekster ĉiaj hom-influoj, la absoluta izoliĝo estas morto samtempe intelekta, morala kaj materia. La solidareco estas ne produkto, sed la patrino de l' individueco, kaj la homa personeco povas naskiĝi kaj disvolviĝi nur en hom-socio.

La sumo de l' dominantaj sociaj influoj esprimita per la solidara aŭ ĝenerala konscio de homgrupo pli aŭ malpli vasta, estas nomata la *publika opinio*. Kaj kiu ne konas la ĉiopovan agivon de l' publika opinio je ĉiuj individuoj? La agivo de la plej drakonecaj limizantaj leĝoj estas nula kompare kun ĝi. Do, ĝi estas la ĉefa hom-edukanto; kaj el tio rezultas, ke por moralizi individuojn necesas antaŭ ĉio moralizi la socion mem, necesas homecigi ĝian publikan opinion aŭ ĝian publikan konscion.

## Socialismo kaj edukado

La socialismo, fondita sur la pozitiva scienco, absolute malakceptas la doktrinon de *libera volo;* ĝi rekonas, ke ĉio, kion oni nomas homaj malvirtoj kaj virtoj, estas nepre produkto de l' kombinita agado de la naturo kaj de l' socio. La naturo dum la agado etnografia, fiziologia kaj patologia, kreas la kapablojn kaj la inklinojn, kiujn oni nomas naturaj, kaj la socia organizo ilin disvolvas aŭ haltigas aŭ kripligas tiun disvolviĝon. Ĉiuj individuoj, sen iu escepto, estas en ĉiuj momentoj de sia vivo ti-kio la naturo kaj la socio estis ilin farintaj...

...Tiu-ĉi akumulita, kunordigita kaj pripensita sperto, kiun ni nomas scienco, pruvas al ni, ke la *libera volo* estas neebla fikcio kontraŭanta la naturon mem de l' kozo (objektoj); ke tio, kion oni nomas volo, estas nur produkto de l' funkciado de l' nervara kapablo same kiel nia fizika forto estas ankaŭ nur produkto de l' funkciado de niaj muskoloj, ke sekve tiu kaj la aliu estas egale produktoj de l' natura kaj socia vivo, tio estas de la fizikaj kaj sociaj kondiĉoj, en kies medio ĉiu individuo estis naskita kaj en kiuj li daŭras disvolviĝi; ni do ripetas, ke ĉiu homo en ĉiu momento de sia vivo estas produkto de l' kombinita agado de la naturo kaj de l' socio, el kio klare rezultas la vereco de tio, kion ni eldiris pli supre: ke por moralizi la homojn necesas moralizi la socian medion.

Por ĝin moralizi ekzistas nur unu sola rimedo: triumfigi la juston, tio estas la plej kompletan liberon[1]) de ĉiu en la plej perfekta libero de ĉiuj. La neegaleco de l' kondiĉoj kaj de la rajtoj kaj la manko de libero por ĉiu, kiel ties necesa rezulto, — jen la granda kolektiva maljusto, kiu naskas ĉiujn maljustojn individuajn. Forigu ĝin, kaj ĉiuj aliuj malaperos...

[1]) Ni jam diris, ke ni komprenas sub libero, unuflanke, la plejeble kompletan disvolviĝon de ĉiuj naturaj kapabloj de ĉiu individuo kaj aliflanke — ĝian nedependon ne rilate al la naturaj kaj sociaj leĝoj, sed rilate al ĉiuj leĝoj trudataj de aliuj homaj voloj, ĉu kolektivaj, ĉu izolaj. — *Noto de Bakunin.*

...Por ke la homoj estu moralaj, tio estas homoj kompletaj en la plena senco de ĉi-vorto, estas necesaj tri aferoj: higieneca nasko, racia kaj integra instruado, akompanita de edukado fondita sur respekto al laboro, al racio, al egalo kaj al libero, kaj socia medio, kie ĉiu homa individuo, ĝuante sian plenan liberon, estus reale, jure kaj fakte egala al ĉiuj aliuj.

Ĉu ekzistas tia medio? Ne. Do, necesas ĝin fondi. Se en la ekzistanta medio oni eĉ sukcesus fondi lernejojn, kiuj estus, donantaj al siaj lernantoj instruadon kaj edukadon tian perfektan, kian ni povas ilin imagi, ĉu ili, ĉi lernejoj, sukcesus krei homojn justajn, liberajn, moralajn? Ne, ĉar, elirinte el la lernejo ili estus troviĝintaj en la medio de socio direktata per principoj tute malaj, kaj ĉar socio estas ĉiam pli forta ol individuoj, ĝi ne prokrastus ekdomini ilin, t. e. malmoraligi ilin. Plue la fondo mem de tiaj lernejoj estas neebla en la nuna socia medio. Ĉar la socia vivo ampleksas ĉion, ĝi enpenetras ankaŭ la lernejojn samkiel la vivon de l' familioj kaj de ĉiuj individuoj, kiuj estas parto de l' socio.

La instruistoj, la profesoro, la gepatroj estas ĉiuj membroj de ĉi-tiu socio ĉiuj pli aŭ malpli brutigitaj aŭ malmoraligitaj de ĝi. Kiel do ili estus donantaj al la edukatoj tion, kio mankas al ili mem? Oni predikas bone la moralon nur per ekzemplo, kaj, ĉar la socialisma moralo estas tute kontraŭanta la nuntempan moralon, la instruistoj, pronecese pli aŭ malpli dominataj de la ĉi-lasta, estus farantaj antaŭ siaj lernantoj ĉion kontraŭan al tio, kion ili predikus al ili. Edukado socialisma estas do neebla en la nuntempaj lernejoj, samkiel en la familioj nuntempaj.

Sed instruado integra estas egale neebla en ili: la burĝoj tute ne volas, ke iliaj infanoj fariĝu laboristoj, kaj la laboristoj estas senigitaj je ĉiuj rimedoj por doni al siaj infanoj sciencan instruadon.

Mi tre ŝatas ĉi-bonajn socialistojn burĝajn, kiuj krias al ni ĉiam: "Ni komence instruis la popolon kaj poste ni ĝin liberigu". Ni diras la kontraŭon: ĝi komence liberiĝu, kaj tiam ĝi instruos sin mem. Kiu instruos la popolon? Ĉu vi? Sed vi ne instruas ĝin, vi ĝin venenas celante internigi al ĝi ĉiujn religiajn, historiajn, politikajn, jurajn kaj ekonomiajn antaŭjuĝojn, kiuj garantias vian ekziston kontraŭ ĝi, kiuj samtempe mortigas ĝian inteligenton, malfortigas ĝian legitiman indignon kaj ĝian volon! Vi lasas ĝin mortigadi per ĝia ĉiutaga laboro kaj per ĝia mizero, kaj vi diras al ĝi: "Lernu!" Ni tre ŝatus vidi vin ĉiujn kun viaj infanoj, kiel vi lernus post dektri, dekkvar, dekses horoj da brutiganta laboro, en la mizero kaj necerteco pri l' morgaŭa tago.

Ne, sinjoroj, malgraŭ tuta nia respekto por la granda problemo de integra instruado, ni deklaras, ke tute ne ĉi-tie estas hodiaŭ la plej granda problemo por la popolo. La nuna problemo estas tiu de ĝia ekonomia emancipiĝo, kiu nepre naskas tuj kaj samtempe ĝian politikan emancipiĝon, kaj baldaŭ post ĝi ĝian emancipiĝon intelektan kaj moralan.

Tial do, ni plene adoptas la rezoluon voĉdonitan de la Bruxelles'a Kongreso (1867):

"Rekonante, ke ĉi-momente estas *neebla organizi racian instruadon*, la Kongreso invitas la diversajn sekciojn establi publikajn kursojn laŭ programo de instruado scienca, profesia kaj produktiva, tio estas instruado integra, por korekti laŭeble la nesufiĉon de l' instruado, kiun la laboristoj ricevas nun. *Estas tutkomprenenda, ke malpliigo de l' laborhoroj estas konsiderata kiel nepra antaŭkondiĉo.*"

Jes, sendube, la laboristoj faros ĉion eblan por doni al si ĉian instruadon, kian ili povos en la materiaj kondiĉoj en kiuj ili troviĝas nun. Sed, ne lasante sin deturni per la siren-voĉoj de l' burĝoj kaj de la burĝaj socialistoj, ili antaŭ ĉio kuncentrigos ĉiujn siajn penojn sur ĉi-tiu granda problemo de sia *ekonomia emancipiĝo,* kiu devas esti la patrino de ĉiuj aliaj emancipiĝoj.

*Trad. el la franca.*

Bonan komprenon pri homaj problemoj kaj historio donas al vi la

# UNUA PROLETA ATLASO




Formato: 25×35 cm., 36 pĝ., sur belega glata papero.

**Prezo: 1,80 mk. germ.**

---

# ŜTATO KAJ REVOLUCIO

tradukita el la rusa lingvo de G. Demidjuk

Formato 18×12 cm., 150 pĝ. **Prezo: 1,— mk. germ.**

**Opinio de neŭtrala gazeto pri la verko:**

El da diversaj rusaj revoluciuloj, Lenin reliefiĝis kiel pli bona idealisto ol la ceteraj. Pro tio lia verko vekos intereson ĉe ĉiu rondo de laboristoj, laborantaj por sia libero.

La paragrafojn de la verko oni legas kun intereso. La doktrino de Marx ludas ĉefan rolon, kaj la aŭtoro trafe disvolvas la ideojn por instrui la laboristojn por la definitiva batalo.

Superflue estas diri, ke la libro, korekte tradukita kaj presita, meritas akcepton tre koran ĉe ĉiu rondo de progresemuloj.

*(Kataluna Esperantisto, dec. 1926.)* *Saljo.*

---

**Adm. de SAT: R. Lerchner, Colmstr. 1, Leipzig O 27 (Germ.)**
(poŝtĉeka konto 6835).

Presejo: Uns-Produktivgenossenschaft, Leipzig (Germanio)